ISSN 0299-6987

# LA GAZETO

## ENHAVO



## LA MURDADO DE BAHAANOJ PLUDAŬRAS EN IRANO

numero 10. 4a de la 2a jaro 30APR87

# L A G A Z E T O

sessemajna kleriga periodaĵo de la
**MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ**
por disvolvigo de la esperantista kulturo

Eldonas
ESPERANTO-MFKA-METZ

Redaktoro
Eugène de Zilah

Redakta Komitato
MFKA - 002 - METZ

Fotisto
Edgar de Zilah

Makedisto
Michèle Schwartz

Adreso de la redakcio
LA GAZETO
39, rue Joseph Hénot
F-57070 METZ

Abonoj ĉe:
CLUB D'ESPERANTO DE METZ,
MCL, 36 rue St-Marcel
F-57000 METZ
poŝtĉekkonto : 762 79 P NANCY


Se vi ne povas poŝte ĝiri, aŭ sendi poŝtmandaton bv. skribi al la redakcio, ni klarigos al vi, kiel oni povas aboni el via lando.

Jarabono

6 sinsekvaj numeroj : 13 ekuoj
Vi povas komenci la abonon iam ajn
La Gazeto ne aperas dumsomere

Anoncoj
1/4 da paĝo = 40 ekuoj
1 preslinio = 1.5 ekuoj

Recenzoj
bonvolu sendi po du ekzemplerojn de la recenzotaĵoj al la redakcio

PRI LA STILO KAJ ENHAVO DE SUBSKRIBITAJ ARTIKOLOJ LA GAZETO NE RESPONDECAS

*P E R A N T O J*

**Aŭstrio :** *D-ro Klaus PERKO, Lendkai 111, A-8020 Graz. — Poŝtkonto : Graz 1257.845; jarabono : 190 ŝilingoj.*
**Britio :** *Geoffrey KING, 228 Capworth Street, GB-London E10 7HL jarabono : 9.5 pundoj.*
**Bulgario :** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 6.3 levoj.*
**Ĉeĥoslovakio :** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 40 kronoj.*
**Danio :** *Eldonejo PERSPEKTIVO, Norregardsvej 91, DK-2610 Rodovre. — Poŝtĉekkonto : 9 32 95 95; jarabono : 102 danaj kronoj.*
**Francio :** *Club d'Espéranto de Metz, MCL, 36 rue St-Marcel, F-57000 Metz — Pĉk : 762 79 P Nancy; jarabono : 90 francaj frankoj.*
**F.R. Germanio :** *Rudolf HELMKE, Wiesenstrasse 9, D-4773 Möhnesee-Günne — Konto n° 31 377 021 Sparkasse Möhnesee (BLZ 41451485); jarabono : 27 germanaj markoj.*
**Hispanio :** *Luis HERNANDEZ-YZAL, Banka Mas Sarda: 19000 669/2, Vilafranca del Penèdes (Barcelono), Avenda de Barcelona 35; jarabono : 1800 pesetoj.*
**Hungario :** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 315 forintoj.*
**Italio :** *Enrico MINGO, Via Simone Martini 22, Isolato 19, I-80128 Napoli; jarabono : 18800 liroj.*
**Jugoslavio :** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato ĉe : „Voĉo de Handikapuloj", Dušan ADNADJ, Školska ul. 25, YU-56227 Borovo; jarabono : 3150 dinaroj.*
**Luksemburgio, Belgio :** *Albert WICKLER, 1 rue de Kehlen, L-Olm. — Poŝtĉekkonto : 54175-49; jarabono : 561 belgaj frankoj.*
**Norvegio :** *ESPERANTOFORLAGET A.S., Olaf Schous vei 18, N-0572, Oslo 5, poŝtĉekkonto: 5100 318; jarabono : 103 norvegaj kronoj.*
**Pollando :** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 1380 zlotoj.*
**Svedio :** *Gösta PERSSON, Buntmarkaregatan 1, S-25248 Helsinborg. — Ĝirkonto : 434 1664-3; jarabono : 95 svedaj kronoj.*
**Svisio :** *KCE, CH-2301 La Chaux-de-Fonds — Poŝtkonto : 23-2921; jarabono : 23 svisaj frankoj.*

*Por pagi tra* ***la abonhelpa fonduso*** *bv. skribi al LA GAZETO*
Aperdato de la venonta numero : **15JUN87**


Directeur de la publication : Madeleine de Zilah
Imprimé par RAPID'IMPRESSION, 2 rue de la Côte, F-57050 Metz
Dépôt légal : L1 - 1979/85

# LA VESTO DE NIA KLERECO



*Eugène de Zilah*

Min gastigis amiko, esperantisto. Liaj infanoj, malofta afero, ankaŭ komprenis kaj belege parolis nian lingvon. Infanoj ĉarmaj, ĉefe la knabo, kiu sukcese mueladas sian lernejan programon matematikan. Kiam oni havas gaston kapablan elturniĝi el kelkaj minoraj malfacilaĵoj de mezlerneja matematika programo, kio pli nature, ol elpetadi liajn konsilojn, kiam oni ne tute komprenas ion. Do tiel estis. La knabo metis sian kajeron sub mian nazon kaj provis klarigi al mi la paŝojn nekomprenitajn de sia problemo. Rapide li devis konfesi, ke li ne konas la Esperantajn terminojn matematikajn. Li neniam lernis matematikon en Esperanto, ĉu ne? Mi ankaŭ ne. Ambaŭ ni ekis tradukadi laŭvorte el nia kulturlingvo la vortojn necesajn. Temis pri la „rekta" solvado de „duagrada" „egaleco".

— Ĉu vi ne volas diri, ke oni devas „senpere" solvi „ekvacion", kies „nekonato" estas maksimume je la dua „potenco" ?

— Ne, mi devas solvi ĉi tion : $3x^2 + 6x - 45 = 0$, sed sen utiligi la formulon, kiu donas la „rezultatojn".

— Ho-ho! Vi volas trovi la „radikojn" refarante la paŝojn, kiuj kondukas al la „kanonika" formo de „duagrada" trinomo, ĉu ne?

La knabo ekgapis je mia „kanonika". Diable, kiun rilaton havas pastro kun duagrada ekvacio? Kompreneble ne temas pri formo „kanonika", en Esperanto. Sed kiel diri? Certe : „laŭkanona formo". Ĉu?

— Eble? — diris la knabo — sed antaŭe endas obligi „parentezon" per „parentezo", tiel ke la „rezultatoj" estu inter „krampoj".

Bone, mi komprenis. Mi ne tedos vin per la rakonto, kiel ni trovis la nomon de „memorendaj identaĵoj", elirante el „tiuj formuloj matematikaj, kiujn la instruistoj postulas, ke ni parkerigu". Sed kiam, poste, dum la vespermanĝo mi parolis kun lia patro pri la libro de Musil, „La homo sen kvalitoj", kaj ni volis paroli pri la kazo de Moosbrugger, kaj ni ne sciis ĉu oni devas paroli pri „seksa mizero", pri „seksala mankado", pri „libida malriĉeco", temas ja pri bone difinita termino en „psiĥosociologio" (ĉu temas pri „psiĥologia sociologio"?), kiun ĉiuj iom kleraj homoj konas en sia kulturlingvo, tiam ni devis agnoski, ke io grave problemas en Esperantio : homoj ne kapablas interparoli je la plej alta nivelo de siaj klerecoj.

**Neniu el ni lernadis en Esperanto**

Ni ĉiuj havas etnolingvon denaskan. La plej feliĉaj el ni havas la saman kulturlingvon aŭ studadlingvon, sed la plejparto de la homaro ne elstudadas en sia hejma dialekto. La kulturlingvo de la plejparto estas la mandarena, franca, angla, rusa... Per tio kaj pro tio, ĉi tiuj lingvoj ekhavas ankaŭ internacian rolon, kvankam nenio disponigis ilin al tia rolo. Ili „internaciiĝis", ĉar ili estas la vestaĵoj kulturaj, kiujn surmetas homoj el civilizacie malpli favorigitaj grupoj. Poste, neniu el ili volus montriĝi nuda. Pro tio pluekzistas la lingva imperialismo. Kaj, laŭsperte, Esperanto ne estas ankoraŭ preta por esti vesto de nia klereco.

**Oni povas ĉion diri en Esperanto**

Cetere ni memorigu la vortojn de Kartezio :

*Tiuj, kiuj havas la rezonadon pli fortan, kaj kiuj digestadas pli bone siajn pensojn por igi ilin pli klaraj kaj pli intelekteblaj, povas ĉiam pli bone persvadi pri kio ili proponadas, eĉ se ili parolus nur la basbretonan, kaj neniam ellernintus la retorikon.**

Esperanto ne estas „basbretona", kiu ŝajnis al Kartezio la plej malriĉa, barbara kaj malfajna idiomo, eĉ se ĝi neniam estis tia. Esperanto estas fajna kulturlingvo kun valora literaturo. Faktas tamen, ke oni ne elkleriĝis en Esperanto, kaj pro tio **la kulturaj semantemoj ne elfiksiĝis en nia lingvo.** Niaj kulturaj centroj estas gravaj paŝoj al la solvo de ĉi tiu problemo, sed sen kultura substrukturo ili ne povos iri ĝis la kerno de la problemo. Se ne ekzistas en la internacia lingvo la tradukaĵoj de ĉiuj eroj de la monda kulturo, se ne ekzistas en Esperantio merkato por altkulturaj publikaĵoj, se ne

**ABONHELPA FONDUSO**

por helpi niajn samideanojn en kelkaj landoj legi LA GAZETO-n ni danke akceptas eĉ la plej malgrandajn monsumojn. Ni dankas al :

| | | |
|---|---|---|
| *S-ino BETTMANN* | *D* | *7.50 EKs* |



# LETERO

estas verkistoj, kleruloj, erudiciuloj, kiuj akceptas krei altnivelajn kulturverkojn en Esperanto, verkojn kun internacia valoro, kies nacilingvajn tradukojn bezonus la monda civilizo, kaj se ne ekzistas neŭtrala popolo ema al kreado de ekzemplodona, propra kulturo, tiam nek INTERNACIA FERIA ALTLERNEJO, nek KOOPERATIVO DE LITERATURA FOIRO, nek AKADEMIO INTERNACIA DE LA SCIENCISTOJ, helpos nin por elturniĝi.

**Ne ekzistas kapitalo por altnivelaj publikaĵoj.**

Esperantistoj sufiĉe multnombraj havis po 4000 ekuojn por turismi en Ĉinio. Nu 4000 ekuoj estas la necesa monsumo por publikigi 300 paĝan libron. Pensu pri tio, ke se la esperantistoj bonvolus pruntedoni la monsumon elspezotan en ununura „universala" kongreso, ni povus publikigi la tradukojn de 3000 gravaj verkoj! Sed ili ne bonvolas. Sekve niaj altlernejoj ne havos la verkojn de HEGEL, WEBER, BERGSON, HEIDEGGER, HUSSERL, SARTRE, POPPER, ADORNO, EINSTEIN, HEISENBERG, RUYER, VALLIN, AUROBINDO, GANDHI, MARCUSE, kaj de centoj da aliaj nemalhaveblaj pensuloj de la moderna mondo, por ke la vesto de nia kulturo estu Esperanto. En Esperantio 4000 ekuoj por turismi ne estas tro da elspezo, sed 13-ekua jara abono al LG, jes. Hungaro diris al mi, ke en sia lando estas proverbo :

**„Fiŝo ekputriĝas ĉe la kapo"**

kiu signifas, ke la detruiĝo de io ĉiam komenciĝas je la plej altaj niveloj, inter la ĉefoj. Niaj „prezidantoj", „ĝeneralaj sekretarioj", diversaj altranguloj estas homoj, kiuj ofte parolas, kaj skribas, apenaŭ kompreneblan Esperanton. Kiel tiaj homoj povus kompreni la esencajn problemojn, kiujn alfrontas Esperanto en la 20-jarcenta civilizo? Ĉu ili eĉ volas, ke nia lingvo estu la kulturlingvo de la moderna homaro? Kiel esperantistoj povas fidi je homoj, kiuj malpli bone parolas Esperanton ol „basic english"-on? Kiam la esperantistoj komprenos, ke ne malhaveblas esperantisma strukturo, kiel INTERNACIA CENTRO DE LA NEŬTRALA ESPERANTO-MOVADO, kiu kuraĝe, ĉiujare, senfiflate, pristudadas kulturajn, teoriajn, bazajn problemojn de nia popolo, sen kliniĝi antaŭ la dioj de la turismo, de la politiko, de la elementa popolisma blufloreco?

**Entute, esperantistoj, ĉu vi volas, ke oni diru al vi la veron?**

Kompreneble, ne. Do, fartu bone! Turismu, komitatumu, leku la ŝtatajn potojn, viaj nepoj ne solenos la duan jarcenton de la malaperonta Esperanto!

*Eugène de Zilah*

* *K a r t e z i o : Diskurso pri la Metodo, I-09.*

---




***S-ino Birthe Zacho, (DK)***



*En la letero de Prof. Régulo, kiun vi publikigis sur la paĝo 9 de* ***LG*** *n-ro 9, troviĝas ŝokaj malveroj. Mi partoprenis ĉiujn kunsidojn de la Kongreso en Hamburgo (1974), kaj la faktoj, tute kontraŭaj al la nekredeblaj asertoj de Prof. Régulo, estas bone konataj al mi.*

*Prof. Ivo Lapenna atentigis jam en la aprila n-ro de* ***Esperanto,*** *1974, pri la politika konspiro en UEA kaj publike deklaris: „aŭ oni plu deziras 'havi Lapenna' sen abscesoj sur la organismo de UEA, aŭ oni havos la abscesojn sen mi". Post tiu artikolo, en la elektoj por komitatano B, Prof. Lapenna ricevis plebiscitan plimulton. Malgraŭ la atentigo kaj la amasa apogo al Prof. Lapenna fare de la individua membraro, la planita politika puĉo sukcesis en la kunsido de sabato dank' al la helpo de kelkaj ambiciuloj kaj enviuloj el demokrataj landoj. Prof. Lapenna eksiĝis el ĉiuj funkcioj en UEA kaj anoncis tion fine de sia Inaŭgura Parolado dimanĉon matene. Tion bonege scias Prof. Régulo kaj sekve konscie diras la malveron, kiam li asertas, ke Prof. Lapenna estis „eksigita kiel prezidanto de UEA". Mi publike alvokas Prof. Régulo informi vian legantaron, kiam, kie kaj de kiu Prof. Lapenna estis „eksigita el la prezidanteco." Ĉar li tion ne povos fari, la elementa honesteco postulas, ke li publike retiru sian malveran aserton.*

*Mi ankaŭ invitas Prof. Régulo publikigi la nomojn de tiuj „tre seriozaj kaj sinceraj kontraŭsovetiismaj komitatanoj de UEA", kiuj „aktive kunhelpis" al fakte neekzistanta „eksigo de Prof. Lapenna".*

*Fine, la implicita aserto de Prof. Régulo, ke Prof. Lapenna restis tute sola, estas tiel ridinda, ke oni povas nur miri, ke universitata profesoro povas skribi tiajn fantaziaĵojn.*



*S-ro* **Juliusz Wasik**, *PL*

*Mi malakceptas viajn finajn vortojn en via artikolo sub titolo „Naciaj asocioj, internacia ligo" (La Gazeto, n-ro 8/87 p. 5)*

*Vi skribis, ke vi „Kuraĝas diri", ke post la puĉo en Pola Esperanto-Asocio oni morale ne rajtas apogi jubilean Kongreson en Varsovio.*

*Laŭ miaj pensoj, tiun ĉi vidpunkton, estas danĝera al mond-esperantistaro.*

*Tio signifas, ke kiam en aliaj landoj (laŭ via klasifiko „totalismaj" ekz. landoj) vivo de lokaj esperantistoj fariĝis malfacila, „la puraj Esperantistoj" devus bojkoti tiujn Esperantistojn kiujn vivas en malbonaj kondiĉoj.*

*Vi nomiĝas „kuraĝa" tiu ĉi staturo?*

*Ĉu vi ne eraras?*

*Vi havas moralan juron diri, ke oni devas bojkoti la VARSOVIAN KONGRESON.*

*La same, la tuta homaro devus „bojkoti" Polujo por tio, ke generalo Jaruzelski venkis „Solidareco".*

*Polio ekzistis, ekzistas kaj vere ekzistos sendepende ol formo de regado en nia lando.*

*La same, ni esperas, ke ankaŭ ekzistos POLA ESPERANTISTARO sendepende ol politik-sinorientado de membroj de Ĉefa Estraro de PEA.*

*Mi skribis en miaj kelkaj, malfermitaj leteroj al polaj esperantistoj, ke ĉiuj devus solene festi 100-jariĝo de Esperanto – kiel nia Esperanto Festo, ne kiel „politika sukceso" la ŝtataj funkciuloj.*

*Monda Esperantistaro devus esti kun ni – partopreni la Varsovian Kongreson en 1987a jaro. Tio ĉi estos la kunkuna SOLIDARECO de ĉiuj esperantistoj.*

*Al ni, al polaj esperantistoj estas nuntempe malfacile vivi kaj agi en nia movado.*

*Ni estos kontentaj, kiam multe da esperantistoj venos Varsovion.*

*Ni bonvenigas ilin. Ni, polaj esperantistoj ĝoigos kiam ili partoprenos la 72-an Universalan Kongreson en Varsovio. Tio ĉi estos la signo ke ekzistas la „interna ideo".*

*Venu – vi ĉiuj, partoprenantoj de Graz Esperanto-Kongreso al 72a UEK en Varsovio, por ke kune festi 100-jariĝon de Esperanto.*

*Olsztyn, 1987.03.01*

**Juliusz Wasik**, *pola esperantisto*
*Generala Sekretario de Monda Pac-Akademio kun sidejo en Brazilio*

*P.s. Mi aneksas mian foton.*

*Mi ankaŭ dankas por sendo al Akademio tre interesan vian „La Gazeton".*

*Ni dankas, ke ni fruktodone kunlaboros al Esperantujo. Ĉu?*

**LG** : Nenion ni ŝanĝis en via letero, ĉar gravas, ke oni ne akuzu nin pri falsigo de leteroj de malsampensuloj. Ni devas esti klaraj : neniam ni diris, ke oni ne devas kongresi en Varsovio. Ni jam renkontis kaj ankoraŭ renkontos polajn samideanojn. Ni ne bojkotas la Varsovian kongreson de UEA, pro la ekzisto en Polio de totalisma reĝimo, pri kiu esperantistoj polaj vere ne respondecas. Ni bojkotas aranĝon unuopan, farotan de esperantistoj, kiuj denuncis esperantistojn, kaj kiuj utiligis en Esperanto la „sekularan brakon" de sia loĝlando. La kongreso de SAT estintus ebleco por ni viziti Polion dum la jubilea jaro. Absurda maltoleremo malhelpis ĉi tiun aranĝon. Ni estas pretaj kunlabori kun ĉiuj esperantistoj, sed ne submetiĝi al naciismaj ukazoj. Ne nur pro individua naŭzo, sed pro tio, ke ni opinias, ke ratifiki per nia ĉeesto al la jubileaj aranĝoj de UEA en Varsovio dum 1987a la malmoralajn ŝanĝojn en Pola Esperanto-Asocio, endanĝerigus la tutan Esperanto-movadon. Bonvolu ne konkludi el nia sinteno iun malamon al niaj polaj samideanoj, al Pollando aŭ al UEA. Bonvolu ne forgesi, ke **ni konsilis al esperantistoj veturi Budapeŝton kaj Pekinon.** Ni distingas inter esperantistoj kaj iliaj ŝtatoj. Ni simple petas, ke ili same distingadu. La titolo de la artikolo, kiun vi aludas estis : „NACIAJ ASOCIOJ, INTERNACIA LINGVO...". Ĉu vi legis ĝin?



# REVUO

*S-ro Hermann Schmidt, (D)*

*Dankon pro LG n-ro 9/87, kiun mi kun plezuro legis. Apartan dankon pro la predikato 'saĝa letero'. Nun mi ne imagas min tre saĝa, verŝajne estas la jardekaj spertoj diversaj kiuj ebligas eldiri ion kompreneblan almenaŭ por certa nombro da homoj. Cetere, dum la venontaj tagoj mi sendos ĝiron por la abono.*
*Vi ricevas sampoŝte (presaĵe) kelkajn ekzemplerojn de nia lasta numero de „Esperanto en Bavario", en kiu mi ĉifoje pro la jubilea jaro aperigis fotojn de la iamaj pioniroj dum la jarcentŝanĝoj. Se iu deziras havi ekzempleron, li (ŝi) sendu 3 internaciajn respondkuponojn al la adreso de Bayerische Esperanto-Ligo. Kiam mi denove disponos pri la necesa tempo, mi eble denove sendos kontribuon por LG.*
*Cetere, mi jam ĝojas revidi vin en Graz, kien mi venos por la unua semajnfino. Ne eblas pli longe resti, sed mi ĉisomere estos en la historia kongresurbo Boulogne-sur-Mer kaj poste en Grésillon.*
*Fartu bone kaj ne ĝeniĝu de bojantaj malkontentuloj.*

**LG** : Ni ankoraŭ ne ricevis la fotojn de la iamaj pioniroj kaj ni atendas vian sendotaĵon kun scivolemo. Nenio gravas plie al LG, ol ne forgesi ilin!




## KION NI TROVIS LEGINDA

***nepre leginda; **leginda; *eble leginda artikolo

BUDAPEŜTA INFORMILO, Februaro 1987.
* D. Blanke : Pri specifaĵoj de la Esperanto-movado en kelkaj eŭropaj socialismaj landoj. (vi eklernos, ke : „La spirito de la leninisma nacia politiko principe favorigas la klimaton kaj la komprenon pri internacia lingvo")

D I A L O G O, n-ro Majo-Decembro 1986.
* E. Borsboom : Fascina provo de naturalisma lingvo-uzo. (recenzo de Büchner : Lenz, tradukita de R. Haupenthal.)
* R. Haupenthal : Verko lingve postrestinta (recenzo de Germana Antologio)
* E. Borsboom : La neceso de lokaj kluboj. (recenzo de A. Vedrine : ...Esperanto-movado... en Liono...)

ESPERO KATOLIKA, n-ro 1/1987.
* A. Mackiewicz : Proverboj (poeziaĵo)
* C. Cecchitelli - C. Sarandrea : Intervjuo pri sankta lando (franciskana perspektivo).

ESPERO KATOLIKA, n-ro 2/1987.
* S. P. Kaiz : Iu ĉino mem rakontas.

H O R I Z O N T O, n-ro Januaro-Februaro 1987.
* I. Lapenna : Atingoj kaj neatingoj en la unua jarcento.

H O R I Z O N T O, n-ro Marto-Aprilo 1987.
* I. Lapenna : Ĉu, fine, almenaŭ ia kunlaboro?
*** **H. D. Maas : Antaŭ kvindek jaroj. Nigra ĉapitro el la historio de Esperanto** (rilatoj inter nazioj kaj la Germana Esperanto-movado).

INTERNACIA JURA REVUO, n-ro 34.
** I. Lapenna : La mortpuno en Soveta Unio.
*** **T. A. Hoeg : Asiriaj leĝoj** (la originala teksto en klasika asiria lingvo kaj la Esperantigo de la plej malnovaj leĝoj de la homaro.)

LA KANCERKLINIKO, n-ro 40.
* L. Septier : maĝango (vi komprenos la plej faman ĉinan surtablan ludon)

**LITERATURA FOIRO, n-ro 100.**
*** **La tuta kajero** (ankaŭ nepre vidinda!)

LA MIGRANTO, n-ro septembro 1986.
* M. Maurin : Promenado en Kapadoco.

EL POPOLA ĈINIO, n-ro 2/1987.
* Ĉu Siming : Fotoj pri Jangzi-rivero.
* Mej Ĝi : Ĉju Juan kaj liaj verkoj.
* Jŭe Ĝiĉeng : Arto de sigelila gravuro.

EL POPOLA ĈINIO, n-ro 3/1987.
* Ŝju Bjan : Pentritaj vizaĝoj de aktoroj en la pekina opero. (belaj kolorfotoj).
* Mej Ĝi : Sima Ĉjan (pri historiisto el la 2a jc a.K.)

S E N N A C I U L O, n-ro Marto 1987.
** Z. Banet-Fornalowa : Protesto (pri nuligo de la rajto de SAT kongresi en Polio)
* SAT-ano en ferkurteno : Publika letero al PEA.

SPECIALA CIRKULERO - 51.
* H. Behrmann : Pri la ĝusta uzo de la participoj en Esperanto.

T E J O - TUTMONDE, n-ro januaro-februaro 1987.
** Jan Koszmaluk : Jarlibro 1986 - Fuŝo de la jaro!



RECENZO

# "PER ASPERA AD ASTRA"

*Mi scias, ke la homaro iras kaj devas iri al sia unueco, se ĝi ne volas detruiĝi. Mi esperas, ke ĝi trovos la vojon al sia ĉiam pli alta integriĝo surbaze de egaleco kaj justeco, sen plua superflua sangado, sen rasa, nacia aŭ kiu ajn alia superregado de unuaj kaj subigado de la aliaj. Mi estas certa, ke tia integriĝo ne estas ebla sen la Internacia Lingvo. Mi fidas je la homeco. Kaj tial mi estas esperantisto.*

*Ivo Lapenna: „Kritikaj Studoj defende de Esperanto", Kopenhago, 1987, p. 33.*

## 1. LA KONFESO

Tiel simple, mallonge kaj sincere esprimis Ivo Lapenna sian vivokredon. Sed mi sentas : malantaŭ ĉi tiuj lakonaj senpretendaj vortoj kaŝiĝas longa vivo kaj longa luktado por Esperanto, luktado akra kaj ofte doloriga, kies ĉiujn detalojn konas nur proksimuloj de la aŭtoro, kaj ni, ĉiuj aliaj, povas nur supozi iliajn verajn dimensiojn. En sia nova verko Ivo Lapenna malkovras al ni kvar epizodojn el sia vivo, kiuj estas samtempe kvar epizodoj el esperantista historio, ja ne eblas ilin disigi, tiom forte ili kunplektiĝas. La kvar studoj aperis en diversaj jaroj, pro diversaj kialoj, sed ĉiam por la sama celo : „defende de Esperanto kontraŭ misprezentojn de faktoj, rektajn falsaĵojn, erarajn interpretojn, pseŭdosciencaĵn argumentojn kaj diversspecajn aliajn malĝustaĵojn". Tial, malgraŭ diverseco materiala, la libro estas unueca kaj prezentas el si kondensitan argumentaron defende de la Internacia Lingvo kaj ĝia solidariga rolo.

## 2. POLEMIKA STILO

En sia „Antaŭparolo" la aŭtoro mencias eventualan riproĉon de eventuala recenzanto pro la polemika karaktero de la libro. Laŭ mi, la polemika formo estas senduba avantaĝo de la aŭtora stilo, kaj la aŭtoro mem tute prave rimarkigas, ke polemiko apartenas al „unu el la plej interesaj kaj viglaj literaturaj formoj". Ĝuste ĉi tiu literatura formo ne sufiĉe altiras esperantistajn aŭtorojn, bedaŭrinde. Polemika stilo de Ivo Lapenna estas ekzemplo de „alta polemiko", t.e. ĝi antaŭvidas rigoran prezentadon de faktoj, ĝustecon de citaĵoj, ĝentilecon kaj artecon de esprimoj, subtilecon de humuro, fajnecon de frazkonstruado, eĉ kiam temas pri evidenta malmoraleco aŭ hipokriteco de kontraŭulo. Mi ne vane metis kiel titolon de la recenzo la latinan esprimon, signifantan malfacilan vojon „tra dornoj ĝis steloj", ĉar ĝin mi rememoris konstante dum la legado de ĉi tiu libro. En lakona latina esprimo enkarniĝas vivovojo de Ivo Lapenna, kaj ĉi tiu nova libro tion ankoraŭfoje elmontras.

## 3. AKTUALECO

La libro entenas kvar studojn :

- Nefermita letero al J. V. Stalin;
- Kelkaj lingvistikaj demandoj (Okaze de la Politika Burleskaĵo kaj Lingvoscienca Ĉarlatanaĵo de D-ro W. Solzbacher);
- „Marksisma-leninisma" libro pri socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado aŭ pseŭdoscienca partipolitika koncepto pri la Internacia Lingvo.
- Malĝustaĵoj, mankoj kaj nekomprenoj en „The Esperanto Movement" (La Esperanto-Movado) de Peter G. Forster.

Laŭ mia opinio, apenaŭ necesas diri, ke ĉiuj kvar studoj estas legendaj, studendaj, pripensendaj, kaj, malgraŭ ŝajna arĥaikaĵo de certa materialo (ekzemple : „Nefermita letero al J. V. Stalin" datumas de la 1952-a jaro) ĉiam aktualaj. Ĉiu serioza novalveninta esperantisto en iu periodo de sia vivo plonĝas en profundecon de Esperanta historio kaj serĉadas en ĝi respondojn je turmentaj demandoj, klarigojn de diversspecaj fenomenoj, kaj – mi diru sincere – sola, li ne ĉiam trovas. Des pli, ke ankaŭ Esperanta historio entenas ne nur glorajn paĝojn, sed ankaŭ hontindaĵojn, kiujn aŭtoroj de multaj lernolibroj, prihistoriaj studoj k.s. ĉu pro ne scio, ĉu pro falsaj „bonintencoj", ĉu pro devigo kaŝas, prisilentas, ignoras (en pli bona kazo) aŭ falsigas laŭ postuloj de pormomente valida ideologio de iliaj ŝtatoj.

## 4. TIEL NOMATA „MARKSISMA-LENINISMA-STALINISMA)" LINGVOSCIENCO PRI ESPERANTO

La historio de la sovetia Esperanto-movado daŭre vekrias per truoj, kaj sovetiaj aŭtoroj de lernolibroj „pudore" preterpasas danĝeran periodon de 30-aj – 50-aj jaroj, hipokrite metante malaperon de Esperanto-movado en Sovetio ekskluzive sur la konton de la Dua mondmilito. Eble, vento de Publikeco (Travidebleco), blovanta nun tra Sovetio, levos

# MOVADA VIVO

vualon ekde la tabua temo kaj „Nefermita letero al J. V. Stalin" iĝos konata inter sovetia esperantistaro? Tamen mi ne havas multajn esperojn ĉi rilate.

„Nefermita letero al J. V. Stalin", same kiel analizo de t.n. „marksisma-leninisma" libro pri soci-politikaj aspektoj de la Esperanto-movado turnis miajn rememorojn al ardaj diskutoj de sovetiaj esperantistoj dum 70-aj jaroj, kiam jam ŝvebis en aero novaĵo pri baldaŭa 'oficialigo' de Esperanto-Movado en Sovetio, kiu, kiel estas konate, kulminis per kreo de ASE (Asocio de Sovetiaj Esperantistoj) la 14-an de marto de la 1979-a jaro. Divido de esperantistaro estis tia : entuziastoj, skeptikuloj, indiferentuloj aŭ ignorantoj. Entuziastoj parolis pri estontaj abundaj eldonaĵoj, eksterlandaj vojaĝoj, pli bonaj kondiĉoj por loka agado, amasa partopreno en UEA-kongresoj ktp. La plej nigrahumuraj el skeptikuloj vidis en 'oficialigo' finon de Esperanto-movado en Sovetio, finon en tiu senco, ke esperantistoj iĝos sklavoj de „la plej progresema ideologio" kaj estos uzataj por propagandaj celoj (simile al islamanoj, kies religio estas tolerata en mezaziaj respublikoj, por plaĉi al muzulmana mondo). Ekde tiu tempo pasis ok jaroj. 'Entuziastoj' iom malvarmiĝis, ja, efektive, malmulto ŝanĝiĝis : la sovetiaj delegacioj dum UEA-kongresoj estas same magraj (aŭ tute forestas), propra Esperanto-gazeto daŭre ekzistas nur en revoj (anstataŭe oni havas ruslingvan „Informan bultenon" kun mizera eldonkvanto de 500 ekzempleroj), Puŝkin, Ŝevĉenko kaj Tolstoj daŭre atendas eldonvicon (dum Krilov estas eldonita en Hungario!), ĉar pli gravas eldoni paroladojn de laŭvicaj partiestroj. Tamen Esperanto-movado kiel tia ne malaperis, ne

*Ivo Lapenna naskiĝis en 1909 en Split, Jugoslavio. Li studis klasikan gimnazion en Split kaj Zagreb, doktoriĝis pri juro en 1933 en la Universitato de Zagreb kaj en la sama jaro finis siajn muzikajn studojn (violonĉelo) en la Konservatorio de tiu urbo.*

*Fininte siajn studojn, li praktikis kiel advokata-juĝista kandidato en Jugoslavio kaj diplomiĝis pri jura praktiko en la Supera Kortumo.*

*De 1941-1945 li partoprenis la Naciliberigan Militon kaj plenumis diversajn fukciojn. Interalie li estis redaktoro de „Slobodna Dalmacija" (Libera Dalmatio), unu el la ĉefaj periodaĵoj de la rezisto. Post la Dua Mondmilito li fariĝis docento kaj baldaŭ profesoro de Internacia Juro kaj Internaciaj Rilatoj en la Jura Fakultato de la Universitato de Zagreb. Samtempe li lekciis pri Historio de Diplomatio kaj Historio de Politikaj Doktrinoj en la Jura Fakultato, kaj pri Internacia Publika Juro en la Ekonomika Fakultato de la sama Universitato. En 1946 li partoprenis la Packonferencon en Parizo kiel eksperto pri Internacia Juro en la jugoslavia delegacio. En 1947-48 li estis advokato-konsilisto antaŭ la Internacia Kortumo en Hago en la fama proceso inter Britio kaj Albanio pro la incidentoj en la Markola de Korfuo. En 1949 li fariĝis kunlaboranta membro de la Jugoslavia Akademio de Sciencoj kaj Artoj, kaj li ricevis la ordenon „Meritoj por la Popolo".*

*Forlasinte Jugoslavion en 1949, profesoro Lapenna laboris dum kelka tempo en la franca C.N.R.S. (Nacia Centro de Sciencaj Esploroj) kaj ekde 1955 en „The London School of Economics and Political Science" (Universitato de Londono), kie li baldaŭ atingis la duan profesorecon : li nun estas profesoro pri Kompara Sovetia kaj Orienteŭropa Juro en la Universitato de Londono. Kiel gastprofesoro li lekciis en multaj aliaj universitatoj kaj jursciencaj institutoj ligitaj al universitatoj, interalie en tiuj de Beograd, München, Köln, Hamburg, Paris, Strasbourg, Uppsala, Oxford, New York (Columbia), Washington, Harvard, Yale, Sydney.*

*Ivo Lapenna ellernis la Internacian Lingvon en 1928 kaj ekde tiam seninterrompe laboris kaj plu laboras por Esperanto. Ĉefaj funkcioj en la Esperanto-Movado : iniciatinto kaj kunfondinto de Akademia Esperanto-Klubo en Zagreb kaj ĝia prezidanto de 1929-1941; prezidanto de Jugoslavia Esperanto-Ligo de 1937-1950; de 1938-1974 komitatano kaj estrarano de IEL (ekde 1947 de UEA); de 1955-1964 ĝenerala sekretario de UEA; de 1964-1974 prezidanto de UEA; fondinto de CED en 1952 kaj ĝia honorofica direktoro de 1952-1974; kunlaborinto pri juro kaj retoriko en „Plena Ilustrita Vortaro" (PIV) de G. Waringhien; membro de la Akademio de Esperanto (1952- ); prezidanto de Internacia Esperanto-Asocio de Juristoj (1957- ); prezidanto de Internacia Centro de la Neŭtrala Esperanto-Movado — ICNEM (1980- ); vicprezidanto de Internacia Scienca Akademio Comenius, Uppsala (1986- ); membro de Internacia Akademio de la Sciencoj (AIS) de San Marino (1983- ).*

sufokiĝis en sia servuteco, malgraŭ retiriĝo de la plej nigrahumuraj liberecanoj. Rilate indiferentuloj, vi ja komprenis mem, ke temas ne pri esperantistoj, sed nur pri Esperantoparolantoj, kaj ili ekzistis(-as) ĉiam.

Ivo Lapenna troviĝas inter tiu manpleno de okcidentaj esperantistoj kiuj klare vidas duoblan vizaĝon de Sovetio, perfekte komprenas ĝian duoblan lingvaĵon, kaj tial, sendube, li estas aparte danĝera por sovetiisma ideologio (pro tio mi havas neniujn dubojn pri la Hamburgaj eventoj). Ĉiu, kiu serioze studis sovetiismajn ideologojn (kaj Ivo Lapenna estas specialisto pri kompara sovetia kaj orienteŭropa juro) ne povis ne rimarki amasegon da kontraŭdiroj en t.n. „marksisma-leninisma", sed fakte **sovetiisma** ideologio, interalie ankaŭ kontraŭdiron „inter la profetaĵoj pri kunfandiĝo de lingvoj kaj nacioj, unuflanke, kaj la praktika utiligo de la rusa lingvo kiel sola internacia lingvo..."

Ĉiu, kiu loĝis en Sovetio, povas rakonti pri torentoj de glorkantoj kaj glorpoezioj dediĉitaj al la „granda rusa lingvo", pri centoj da publikaĵoj, laŭdantaj lingvon „de paco kaj amikeco", t.e. la rusan lingvon (kvankam, teorie, laŭ „marksisma-leninisma ideologio de Detlev Blanke : „La koncepto, ke iu lingvo povas enhavi iun specifan idearon sole apartenantan al tiu konkreta lingvo, estas malĝusta"). Samtempe, se iu, nerusa poeto, ekhavas herezaĵon prikanti sian propran gepatran lingvon, tio tuj estas konsiderata kiel elmontro „de burĝa (ukraina, litova, estona ktp.) naciismo"! Unuvorte – ĉiu honesta sovetiano (ankaŭ rusdevena) ne povas ne vidi kaj ne senti senprecedentan grandrusan ŝovinismon, apud kiu **ne estas loko por iu ajn alia lingvo,** des pli se ĝi estas rivalo por la internaciaj kontaktoj en Sovetio mem.

En sia evoluo la grandrusa ŝovinismo konis momentojn de ekstrema disfloro, kiu apogeis en fama toasto de Stalin dum bankedo en Kremlo 24MAJ45. En la 50-aj jaroj Stalin inspiris konatan kampanjon kontraŭ „kosmopolitoj", kiu trafis unuvice judojn. „Nefermita letero al J. V. Stalin" estis necesega por kontraŭstari stalinismajn konceptojn kaj komprenigi al tutmonda esperantistaro **kaŝitajn motivojn** de Stalina prilingva interveno. Ĉi tiu dokumento, sendube, eniris Esperanto-historion kiel unu el la plej gravaj rebatoj kontraŭ maskitan grandrusan ŝovinismon.

Nuntempe la grandrusa ŝovinismo ne estas tiom senbrida. Esperanto estas tolerata kaj akceptita kiel „lingvo inter centoj da aliaj", kiun oni povas same sukcese uzi por sovetiisma propagando. Ja **senideigita** Esperanto ne prezentas danĝeron por la „granda rusa lingvo".

Stude de t.n. 'marksisma-leninisma' libro „Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado" atentigas nin ĉiujn pri esencaj demandoj de nia **esperantista identeco,** pri kiu ne ĉiuj esperantistoj konscias. Ivo Lapenna skribas : „Esperanto ne estas 'ideo'. Ankaŭ malpli 'ideologio'. Sed ĝi certe estas **lingva esprimo** de la novepokaj internaciismaj ideoj" – insistas la aŭtoro. Ivo Lapenna preferas paroli pri „solidariga rolo de la lingvo" (anstataŭ, laŭ li, neadekvata Zamenhofa „interna ideo"), kaj li tre trafe pledas por ĝi kontraŭ ĉiujn modernajn sovetiismajn ideologojn ĉekape kun d-ro Detlev Blanke. Deziro senideigi Esperanton havas antaŭ si rektan celon; senideigita Esperanto estas „pli facile akceptebla por la reganta tavolo" en sovetiismaj landoj. Se kondiĉo de senideigo estas kondiĉo de poresperanta laboro en tiuj landoj, ni ne povas esti tro postulemaj, ĉar kiel diras Ivo Lapenna, parolante pri profesoro Bokarev : „Tamen, se la uzo de tiu maltaŭga kaj nepravigebla vorto estas **la kondiĉo** de agado por Esperanto en iu lando aŭ iu medio, se, do, cirkonstancoj nepre devigas apliki ĝin, estas certe pli bone labori por la Internacia Lingvo prezentante ĝin kiel „helpan", ol tute nenion fari."

Se iu leganto havas ankoraŭ dubojn pri **speciala malaltigado** de rolo de Esperanto, mi rekomendas al li konatiĝi kun sovetiaj lernolibroj de Esperanto. En ili aŭtoroj, kvazaŭ ekskuzante sin antaŭ nevidebla Supera Aŭtoritato, rapidas substreki :

> Necesas substreki la helpan karakteron de la artefarita lingvo... Artefarita lingvo estas alvokita nur por plifaciligi multflankan homan komunikadon sur la internacia areno.
> M. Isajev : „Jazyk Esperanto", eldonejo „Nauka", Moskvo, 1983, p. 11.

Fine de la antaŭparolo en la sama libro ni denove legas :

> Oni devas aparte substreki, ke Esperanto estas helpa rimedo de interpopola komunikado. Kio rilatas internacian komunikadon ene de nia lando, ĝi okazas helpe de la rusa lingvo (p. 22).

Sama aŭtoro en alia lernolibro (Z. V. Semjonova, M. I. Isajev „Učebnik jazyka Esperanto", eldonejo „Nauka", 1984) neniam forgesas aldoni : „helplingvo Esperanto" kaj interalie, prezentas en ĉi tiu lernolibro rimarkindan konceptaron de moderna sovetia interlingvistika penso : „Nia principo devas esti 'kaj-kaj', sed ne 'aŭ-aŭ'! Tio signifas jenon :
– estu multnombraj naciaj lingvoj!
– estu la interpopolaj lingvoj!
– estu la mondaj lingvoj (rusa, angla, franca, hispana, araba, ĉina)!
– kaj estu ankaŭ la internacia helplingvo!"

Esperanto do metiĝis je kvaran lokon – kaj tio estas la lasta atingo de la plej progresema „marks-

isma-leninisma" lingvoscienco!
Detlev Blanke kaj liaj amikoj-ideologoj serĉas kompromison, bedaŭrinde, ilia pozicio estas tre fragila, ĉar geedzigi esperantistan idearon kun t.n. „socialisma internaciismo" ili neniam sukcesos. Ankaŭ vane penas italaj komunistoj Renato Corsetti kaj Maŭro la Torre (vidu : „Celoj kaj politikoj en la Esperanto-movado". En : „Paco", eldono de MEM-sekcio de GDR, 1983, p. 25-30) : „Ŝajnas al ni ke en internaciaj rilatoj, komunisto estas iu, kiu volas atingi ankaŭ pli justajn rilatojn inter diversaj gentoj. Pro tio komunistoj ne favoras imperiismon aŭ superregadon de unu lando je alia lando" — tiel rezonadas la italaj ideologoj. Tio, kio estas normale homa, t.e. deziro de justeco inter gentoj, estas laŭ nekomprenebla logiko, atribuata speciale al komunistoj. Kaj se tamen mi akceptus similan difinon, tial mi devus diri : Ho, kiel mankas komunistoj en Sovetio! Mankegas ili inter sovetiaj lingvistoj, ĵurnalistoj, poetoj, verkistoj, generaloj, admiraloj, ĝeneralaj sekretarioj, kaj koruse kantadas gloron al unusola lingvo „de paco kaj amikeco" en la federacia ŝtato de 15 egalrajtaj respublikoj! Kaj „veraj komunistoj" (tio estas tiuj, kiuj deziras justecon en rilatoj inter diversaj gentoj) aŭ pereas en koncentrejoj (kiel ukraina poeto Vasil Stus) aŭ estas metataj en psiĥiatrejon (kiel tio okazis al generalo Hrihorenko pro lia subteno al justa lukto de krimeaj tataroj)...

Geedzigi Esperantistan humanisman internaciismon kun t.n. „socialisma internaciismo" de Moskvo ne eblas, pro ilia principa malsameco, malgraŭ ŝajna uzo de tute samaj vortoj (kaj niaj italaj ideologoj vidas nur belajn vortojn, sed ne tion, kio kaŝiĝas malantaŭ ili).

Kiel substrekas Ivo Lapenna, en Zamenhofa humanismo, vortoj : „monda pensmaniero", „universala homa konceptado", „vivanta sento de aparteno al la homaro" k.a. ne estas laŭtaj sonoraĵoj, ankaŭ ne „mistikismo", sed „idea realaĵo", kiun t.n. „marksismaj-leninismaj" ideologoj ne povas aŭ ne volas kompreni.

## 5. PRI ABSURDECO DE KELKAJ EPITETOJ, PLURALA FORMO KAJ LOGIKO DE KELKAJ AKUZOJ

La aŭtoro tute klare kaj trafe atentigas nin ĉiujn pri absurdeco de epitetoj „artefarita", „konstruita", plurala formo en „planlingvoj", „internaciaj lingvoj". Parolante pri „Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado" li trafe parafrazas : „Por la verko estu scienca ne sufiĉas nomi ĝin tia". Ĉi tiu rimarko validas ankaŭ por la doktoreca tezo de Peter Forster „The Esperanto Movement".
Legado de „Kelkaj lingvistikaj demandoj" samtempe konsternas, skuas, amuzas, ridigas kaj pensigas — kaj pri fenomeno de lingvo mem, Esperanto aparte, kaj pri preskaŭ nekredebla psiĥologio kaj „logiko" de d-ro Solzbacher. Multfoje mi haltis mirigita kaj demandis min : sed ĉu vere eblas io simila? Evidentiĝas, ke jes, eblas.
Por ne lacigi vane eventualajn adeptojn de „novlogiko" de d-ro Solzbacher, mi diru rekte : mi deziris trovi kritikindaĵojn en la libro kaj eĉ mi pripensis titolon : „Kritike pri 'Kritikaj Studoj'". Sed mi ilin preskaŭ ne trovis. Laŭ la „novlogiko" mi do iĝis „lapennisto", kaj kredu min — tio multe ĝojigas min.

## 6. NE EKZISTAS LIBRO, KIU NE POVUS ESTI PLIBONIGITA

Tiel diras profesoro Lapenna. Jen tiuj kelkaj riproĉintaĵoj, kiujn mi trovis, certe neeviteblaj preseraroj :
paĝo 3 : neŭtala,
paĝo 22 : ĉio demandoj, kiuj treege,
paĝo 27 : kiu rezultigis el elstaran verkon
paĝo 52 : diversspecaj straguloj.

Ankaŭ mi bedaŭras pri la broŝura formato de la eldonaĵo (cetere tre bela), ĉar libroforme eldonita ĝi havus pli plaĉan aspekton kaj plian uzeblecon.

Kaj lasta rimarko : „Kritikaj studoj" antaŭvidas tre larĝajn prilingvistikajn sciojn ĉe legantoj. Bedaŭrinde, ne ĉiuj esperantistoj (des pli — de la juna generacio) havas tiajn sciojn. Tial nur „Persona indiko" fine de la libro estas, laŭ mi, nesufiĉa. Mi preferus vidi koncizajn notojn pri ĉiu nomita en la libro lingvisto, kio ankaŭ stimulus esperantistojn al plua studado de elementaj problemoj. Miaflanke mi rekomendas tralegi romanon de Aleksandro Solĵenicin „En la unua cirklo", kiu rekreas epokon de la 50-aj jaroj en Sovetio kaj naskiĝon de „kontraŭkosmopolita kampanjo". Tralego de la romano, sendube, helpos kompreni „Nefermitan leteron al J. V. Stalin" kaj esencon de nunaj „atingoj" de moderna sovetia lingvoscienco.

Senpacience mi atendas novan libron de prof. d-ro Ivo Lapenna. Ĝia titolo : „Mia Finkalkulo kun Ili" promesas multon.

ENKO

**ATENTU !!!**
**JUBILEA ESPERANTO-KONFERECO EN GRAZ (AŬSTRIO)**
**ne plu estas ĉambroj en Hotelo Schubert**

# KIEN NI IROS?

**JUBILEA ESPERANTO-KONFERENCO EN GRAZ (A), de la 18a de julio ĝis la 25 de julio 1987a.** La plej elstara aranĝo de la jubilea jaro kun ege ambicia programo. La ĉeftemon de la konferenco pritraktos **dekduo da famaj lekciistoj** (jam certe : d-ro Albault, prof. Regulo Perez, Claude Gacond, d-ro Boulton, Baldur Ragnarsson, prof. Neergaard, d-ro Zilah, prof. Lapenna, Jean Thierry, Walter Zelazny) priskribontaj la atingaĵojn de nia kulturo dum la pasintaj cent jaroj. La ĉeestontoj povos koncize ekkoni kio jam estas farita, kio estas farota, kio estas farenda. Sed ne ĉiuj amas la ege seriozajn lekciojn. Ankaŭ ne ĉiuj regas Esperanton jam sufiĉe bone por kompreni ilin. La JEK estas **por ĉiuj Esperantistoj, „ĝi ne estas aranĝo de ICNEM, nek de UEA, nek de SAT, nek de kiu ajn alia esperanto-organizaĵo"**, sekve ĝi estas ankaŭ memorfesto kaj esprimebleco por komencantoj kaj progresantoj, junuloj kaj maljunuloj. Okazos do **paralela programo kun sperta animisto** por ili.
Rektmetoda kurso por lerni aŭ perfektigi sian Esperanton **estos gvidata de S-ino Maria VITALYOS** (D), turismaj kaj kulturaj aranĝoj, renkontiĝoj de la redakcioj de HORIZONTO kaj de LA GAZETO kun siaj legantoj, ktp...
DUONKOTIZOJ POR KONFERENCANOJ EL ORIENTA EŬROPO, EL EVOLULANDOJ KAJ POR



ĈIUJ RIFUĜINTOJ. LA JUNULARGASTEJO AKCEPTAS ĈIUJN, KIUJ DEZIRAS TIE TRANOKTADI. Aliĝkotizoj : por konferencano 800 As (=55 ekuoj), por paro 1400 As (=94 ekuoj), por junulo 600 As (=39 ekuoj). Informu vin ĉe : JEK, d-ro Klaus Perko, Lendkai 111, A-8020 GRAZ, Aŭstrio.

**29a KULTURA SEMAJNFINO EN HOMBURG-SAAR, 22-24MAJ87**, adreso : SEL, Schulstr. 30, D-6601 SCHEIDT (Germanio). Bonvolu aliĝi antaŭ 9MAJ87! Aliĝkotizo 15 Ds (7.20 ekuoj). Plena pensio por unu tago 45 Ds (21.60 ekuoj). La prelegserio komencas sabaton posttagmeze je la 14a30.
- prelegserio de prof. d-ro Istvan Szerdahelyi pri „Aktualaj problemoj de interlingvistiko kaj esperantologio"
- kursojn por progresantoj gvidos s-ro Ed. Borsboom
- kursoj por komencantoj gvidos s-ro Hermann Behrmann
- la infanojn prizorgos s-ino Takajo Walz.



*Krešimir Barković kaj Takajo Walz*

## LA DEKERARA TEKSTO

Ni malice enŝovis (almenaŭ) dek erarojn en la suban tekston de LAPENNA. Ĉu vi kapablas ilin retrovi? En ĉi tiu sama numero de **LG** vi trovos ankaŭ la espereble seneraran tekston, kiun ni eltiris el la fama libro de Ivo Lapenna : „Retoriko", 3a eldono, p. 21a.

*La unuaj burĝonoj de la formiganta naciismo rezultiĝis novajn „teoriojn". Iu Hispano romantike asertaĵis fine de la 16-a jarcento, ke la lingvo de Adamo estis la — paska. Goropius pruvadis en verko, publikigata en Antverpeno en 1580, ke nur la nederlanda lingvo povis esti tiu, kun kiu oni parolis en la tera paradizo. Alia tiaspeca „lingvisto", A. Kempe, deziris esti iom pli ĝusta. Laŭ li, tri lingvoj estis parolitaj, aŭ almenaŭ komprenataj de la unuaj homoj : Dio parolis al Adamo svede, Adamo respondecis al li dane, dum la serpento tentis Evan (ĉu komplimente aŭ ofenda por la Francoj?) en la lingvo — franca.*

## BAHAA ESPERANTO-LIGO

### Historio

Jam antaŭ la unua mondmilito ekzistis Bahaaj Esperantistoj kaj aperis artikoloj pri la Bahaa religio en la Esperanta gazetaro. Abdu'l-Bahà, filo kaj posteulo de la fondinto de la Bahaa Kredo, Bahà'u'llàh, plurfoje prelegis ĉe Esperantistoj kaj alvokadis la Bahaanojn lerni la Internacian Lingvon.
Inter la plej famaj Bahaaj Esperantistoj elstaras Lidia Zamenhof, filino de Ludoviko Zamenhof, kiu inter la mondmilitoj konsiderinde kontribuis al la disvastigo de Esperanto en Francujo kaj Usono. Lidia Zamenhof ne nur faris multajn prelegojn antaŭ Esperantistoj kaj Bahaanoj, sed majstre tradukis plurajn standardajn verkojn de la Bahaa religio en Esperanton, interalie „Bahà'u'llàh kaj la nova epoko", kiun ĉiu Bahaano konas. La verkinto de tiu ĉi libro, J. Esslemont, ankaŭ estis Esperantisto.
Alia fama Bahaa Esperantisto, kiu ankoraŭ hodiaŭ estas bone konata de la Bahaanoj, estas ekz-e Agnes Alexander, kiu agadis por la Bahaa religio kaj Esperanto en orienta Azio. Kune kun Eroŝenko ŝi tradukis jam en 1915 la verkon „Kaŝitaj vortoj" de Bahà'u'llàh, kiu apartenas al la Bahaaj Sanktaj Skriboj. Same fama estas Martha Root, bona amikino de Lidia Zamenhof, kiu kiel A. Alexander estis pioniro en orienta Azio.
Inter konataj Esperantistoj-Bahaanoj estis ankaŭ pluraj germanoj, ekz-e d-ro Adelbert Mühlschlegel kaj d-ro Hermann Grossmann. D-ro Ernest Kliemke (1870 - 1929) estis prezidanto de GEA inter 1925 kaj 1929. Sub la pseŭdonimo Heinrich Nienkamp li verkis du librojn : „Kulturo kaj Lingvo" kaj „Princoj sen Krono".

### Nuntempa stato

Kvankam Bahaaj Esperantistoj dekomence aktivis en la Esperanto-movado kaj ĉiam havis siajn aranĝojn en la Universalaj Kongresoj, Bahaa Esperanto-Ligo (BEL) estis fondita nur en 1973. La fondo estis iniciatita i.a. de iama amikino de Lidia Zamenhof, s-ino Roan Orloff Stone, kiu ankoraŭ hodiaŭ aktivas en BEL. La organiza strukturo de BEL estas aprobita de la Universala Domo de Justeco, la plej granda instanco de la Bahaa Kredo, kiu nun finfine havas oficialan reprezentanton de la Esperante parolanta Bahaanaro.
La estraro de BEL elektiĝas ĉiun trian jaron per letera voĉdonado. Ĉiu BEL-ano aŭtomate estas kandidato, ĉar – kiel kutime inter Bahaanoj – ekzistas nenia antaŭa kandidatigo. La elektita estraro konsistas el kvin personoj, kiuj povas alelekti pliajn help-estraranojn. BEL havas ĉ. 170 membrojn en 36 landoj; la plej fortaj grupoj estas en Usono, Brazilo, Anglujo kaj Germanujo. Ankaŭ en kelkaj afrikaj landoj ekzistas BEL-anoj.
La taskoj de BEL konsistas el informado pri la Bahaa Kredo inter Esperantistoj kaj pri Esperanto inter Bahaanoj. Tiujn taskojn oni plenumas per publikigo de Bahaaj libroj kaj broŝuroj en Esperanto, per aktiva partopreno en la Universalaj Kongresoj kaj per prelegoj en Bahaaj komunumoj kaj renkontiĝoj. La plej freŝdata aktiveco estas la eldono de la Esperanto-versio de la deklaro de la Universala Domo de Justeco okaze de la Internacia Jaro de Paco „La Promeso de Monda Paco". Temas pri 20-paĝa, belaspekta kaj nepre leginda broŝuro, kiun oni povas senkoste ricevi de BEL, Bruchwiesenstr. 26, D-6600 Saarbrücken.
Sendepende de BEL ekzistas kromaj Bahaaj Esperanto-instancoj ekz-e la Brita Asocio de Bahaaj Esperantistoj kaj la Esperanto-Fako de la germana Bahaa komunumo, kiu estas integrita en ties administracia strukturo. La Esperanto-Fako havas kiel ĉefan taskon la informadon de la germanaj Bahaanoj pri Esperanto kaj volonte kunlaboras kun la ceteraj germanaj Esperanto-organizaĵoj por atingi tiun ĉi celon.

*Heinz Dieter Maas*

## IRANO: EKZEKUTADO DE BAHAANOJ PLUDAŬRAS

Krom la ĉiutaga diskriminaciado de la anoj de la Bahaa religio, krom la rifuzo de la civitaj rajtoj, krom la senbaza kaj ofte longjara enkarcerigo, la iranaj potenchavantoj ne hezitas aplikadi plej ekstreman rimedon : la ekzekuton. Post dujara prizona mallibereco, plejparte en unupersona ĉelo, kaj post gravaj torturoj la 55-jara **Ahmad Kavih** estis mortigita pasintan lundon, fine de januaro, en Isfahano per pafekzekuta plotono. Same kiel en la ĝisnunaj preskaŭ 200 kazoj de ekzekutoj de Bahaanoj la teruraj torturoj havis la celon devigi s-ron **Kavih** al malkonfeso de lia kredo kaj al konvertiĝo al Islamo.

La irana Bahaa komunumo, al kiu apartenas ĉirkaŭ 300.000 homoj en Irano, estas la plej granda religia minoritato de tiu ĉi lando, sed tamen la Bahaismo ne estas agnoskata de la irana konstitucio kiel „protektinda religio". Tial la Bahaanoj estas konsiderataj kiel nekredantoj kaj eksterleĝuloj. Ni memorigas ekzemple pri irana juĝdecido, kiu deklaris senkulpecon de islamano, kiu pro neatento mortigis Bahaanon en trafikakcidento. La kortumo argumentis, ke senintenca mortigo de Bahaano fare de islamano ne valoras juran persekuton.
Bahaa Esperanto-Ligo, Bruchwiesenstr. 26, D-6600 Saarbrücken.

# NI RIDETU





*Bernard Aunis*

## LA PROFETO ZAMENHOF

Okaze de la jubileo senĉese aperas novaj artikoloj, kiuj ĵetas novan lumon sur nian Majstron, tiel ke hodiaŭ ne plu estas eble dubi, ke Zamenhof estis unu el tiuj grandaj inicintoj, kiuj en la homa historio havis la ĝuon de nenormalaj povoj, kaj kies okuloj divenis la estontecon. Tio kompreneble estos ĉagrena por la estimataj kamaradoj, kiuj antaŭ unu jaro demonstradis en „Sennaciulo" la neekziston de la supernaturo per artikoloj klaraj, koncizaj kaj sen ia pedanteco, sed ĉu la unua kondiĉo por progresi ne estas kliniĝi antaŭ la faktoj? En ĉi tiu artikolo tri ekzemploj pripensigos la leganton.

**1a ekzemplo : U E A**

Ĉiu jam aŭdis, ke en la kabineto de Zamenhof sin trovis unu el tiuj konataj statuetoj kun tri simioj : la unua kun la manoj sur la buŝo, la dua kun la manoj sur la oreloj, la tria kun la manoj sur la okuloj; sed hodiaŭ ni scias, ke la tri simiojn li kutimis nomi U, E, A; kaj ke sur la soklon li metis la skribon :

Ju pli muta, surda, blinda :
Por U, E, A des pli inda.

Kiel li povis diveni la puĉon en la Pola Esperanto-Asocio kaj la simisimilan sintenon de UEA tiuokaze?

**2a ekzemplo : ŜIPO**

Ĉiu jam aŭdis, ke en lia salono estis alkroĉita pentraĵo montranta ŝipon, sur kiu maristoj avide rigardis, ĉu la dezirata tero aperas ĉe la horizonto. Sed hodiaŭ ni scias, ke sub la pentraĵo li metis la jenan poemeton :

La rando de la mita tero
Vidiĝas ĉe la horizont',
Sed baldaŭ ĝia malapero
Plenigos nin de vea hont',
Plenigos nin de malespero.

Ne venos tero per komand' :
Ne fidu pri la mitterrand'.

Kiel li povis diveni, ke en Francujo la kandidato Mitterrand faros tiom da promesoj al la Esperantistoj kaj post sia elekto rifuzos plenumi eĉ iun?

**3a ekzemplo : MEM-mortigo**

Antaŭ ne longe oni retrovis respondon de Zamenhof al Esperantisto, kiu komencis malesperi :

Konservu ĉiam la konstanton,
Ĉar nek batalo, nek intrig'
Detruos nian Esperanton :
Ĝi mortus nur per MEM-mortig'.

Vi rimarkis, ke MEM estas majuskle skribita! Kiel li povis diveni, ke la pseŭdopacista movado MEM iam endanĝerigos la tutan aferon?

Estas certe, ke ankoraŭ ekzistas multe da profetaĵoj de Zamenhof; ni petegas, ke ĉiuj, kiuj havas ĉe si unu el tiuj valoregaj aŭtografoj bonvolu publikigi ĝin aŭ almenaŭ sendi ĝin al ni. Ni antaŭdankas.

*Bernard Aunis*

*P.S. de la redaktanto : humuristo rajtas ridigi.*




HORIZONTALE :

1 – Teologia doktrin'. 2 – Rolul' en franca pantomimo * Persperta inform'. 3 – Kvinpintfolia arbed' * Vanado. 4 – Japana dram' * Posteular' * Parka irvoj'. 5 – Nekonatuloj * Helena virnom'. 6 – Marĉa herbo * Nega * Tuno. 7 – Tajlando * Terura gigant' * Norvegio * Litio. 8 – Okulkav' * Eklezia gravul'. 9 – Infanterian' * Luksemburgio * Aŭstralia bird'. 10 – Virgilia poemtem'.

VERTIKALE :

1 – Rilata al plifortiga parolfiguro. 2 – Persanktaĵa komercad' * Sulketiĝi tre dense (R). 3 – Kapvest' * Meteologia indiklini' por premo. 4. Helena milita di' * Pintarki. 5 – Hispana urb' * Aŭtoro de „Primico" * Kalio. 6 – Turka popolan' * Lutecio. 7 – Litro * Fosforo * Rilata al varma Alpa vento * Romiane : 50. 8 – Ukraina virina nomo * Legom'. 9 – Mensa batalart' * Ĉina mezurunu' * Funkciu netaŭge! 10 – Mezepoka ceremoni'.



# RISKAJ INVESTOJ EN AFRIKO

En 1974 Renato Corsetti, la estrarano de UEA por landa agado, verkis artikolon titolitan : „La neplugita kampo" (Esperanto, 1974, decembro; 12 : 203-205), en kiu li prezentis sian planon por la esperantistigo de Afriko. La celo estas havi en Afriko „movadon por la Internacia Lingvo, kiu ne estas simpla paŭsaĵo de la Eŭropa, sed movado kun originalaj trajtoj, kaj ĉefe movado engaĝita en la progreso de la landoj en kiuj ĝi agas" (pĝ. 205). Laŭ Corsetti, tiu indiĝena afrika Esperanto-movado devas esti sendependa de Eŭropo ne nur de la vidpunkto de organizado sed ankaŭ finance. En la vortoj de la kreinto de la afrika premgrupo en UEA, „niaj afrikaj samlingvanoj ne devos daŭre direkti siajn rigardojn al Roterdamo, nek priatenti la kurzon de la guldeno."

Pli ol unu jardeko forpasis post la surpaperigo de la revo de Corsetti, sed ankoraŭ ne estiĝis en Afriko vivpova kaj daŭrema Esperanto-movado. Sekve de tio, ekster-afrikaj organizaĵoj kaj individuoj devas konstante apogi la iniciaton de verdaj propagandistoj per mono kaj aliaj rimedoj.

En UEA du fondaĵoj estis starigitaj por efektivigi la planon de Corsetti : La Fondaĵo Canuto kaj la Fondaĵo Azio-Afriko. Laŭ Simo Milojević, antaŭa redaktoro de „Esperanto", la Fondaĵo Canuto estas „la plej persista batalanto kontraŭ la ofte menciata eŭropeco de la Esperanto-movado, la plej sukcesa pledanto por la universaleco de UEA" (Fondaĵo Canuto : Praktiki solidarecon, Esperanto 1974, novembro; 11 : 181). Per siaj financaj rimedoj tiu ĉi fondaĵo helpas membrigi en UEA homojn en landoj kun transpagaj malfacilaĵoj kaj evolulandoj.

Funkcianta en alia sfero estas la Fondaĵo Azio-Afriko, kiu financas informadon, organizadon de kursoj kaj sendadon de libroj kaj revuoj al izolitaj esperantistoj. Ĝi ankaŭ kovras la preparkostojn de vortaroj kaj lerniloj en afrikaj lingvoj. En 1984 ĉio ĉi kostis 30.000 gld. En sia artikolo „Investoj en Afriko" (Esperanto, 1982, julio-aŭgusto ; 7-8 : 125-126) Hans Bakker, unu el la komisiitoj pri Afriko, klarigas, ke la investoj el la Fondaĵo Azio-Afriko havas kiel celon la kreon de novaj kernoj de esperantistoj en Afriko. Bakker ĉi-rilate fiere priskribas la koncentritan agadon en Kenjo en 1981 kaj 1982, kiam anoncoj pri Esperanto aperis en gazetoj, kaj amaso da propagandaĵoj kaj lerniloj estis dissenditaj al informpetantoj. Tamen, ŝajnas, ke tio estis malbona investo, ĉar ĝis 1985 neniu kenja kerno de esperantistoj formiĝis. En tiu jaro estis nur **unu** individua membro de UEA en la lando.

En 1978 mi skribis la sekvajn frazojn :

> La Estraro de UEA devus detale kaj profunde analizi ĉiujn proponojn por la disvastigo de Esperanto ekster Eŭropo por eviti malŝparon de tempo kaj mono. Miaopinie, ĉiu guldeno, kiu UEA aŭ TEJO investas en Afriko nuntempe, rapide malaperos kaj ne postlasos videblan spuron, ĉar la tempo ankoraŭ ne estas matura por nia afero tie. („Ĉu Afriko bezonas Esperanton nun?", Esperanto, 1978 majo; 5 : 94-95).



*Bernard Golden*

Malgraŭ tiu averto, kampanjoj por esperantigi Afrikon daŭras kaj ili disipas la bonhavon de la fondaĵoj. Ĉiujare aperas en la gazetaro de Esperantujo plendoj, ke la saldo estas negativa kaj la kaso malplena. Ju pli da mono oni enverŝas en la senfundan afrikan puton, des pli oni petas de la membraro de UEA.

Kien iras la mono, kaj kiuj estas la konkretaj rezultoj? Vane mi povis akiri specifajn informojn pri la elspezoj de UEA en Afriko. En januaro 1986 nefermita letero estis adresita al Grégoire Maertens, la tiama prezidanto de UEA kaj respondeculo pri financo. Li neniam respondis. Ĉu Maertens ne sciis, kiel la mono estis uzata, aŭ ĉu li sciis, sed timis publike diri la veron? Kiu respondecas pri la konspiro de silento?

***Bernard Golden***

# FILOZOFIE, ESPERANTE

*Nenio vere timinda ekzistas krom nescio,...*
*Albert Goodheir*
*Nenion fari, tiel ke ĉio efektiviĝu*
*Lao Zi*

Ĝuste en tiu ĉi jubilea jaro, trafiĝis mejloŝtono laŭ la vojo Esperanta, dank'al lekciaro prezentita de d-ro Eugène de Zilah en La Chaux-de-Fonds, Svisio. La tiea Internacia Feria Altlernejo de Kultura Centro Esperantista dum semajno lastfebruara aŭspiciis kurson - „Pensmanieroj Orienta kaj Okcidenta".

Laŭ kono de Claude Gacond, direktoro de KCE, estis ja la unua fojo, ke pere de Esperanto estiĝis kurso pri filozofio. Sojle de la dua jarcento de Esperanto inspirige omenas tio.

Estante laika ĉeestanto, kiel prijuĝi la rezulton? Reflekse reagante, mi dirus, „Hura! Disvastigu!" Ĉar la vigla, vigliga prezentado de d-ro de Zilah efikas por klarige klerigi eĉ la plej nespertulojn.



*Ĉu vi havas demandojn ?*

Mi jene prezentas kelkajn skemajn pensojn kaj eltrovaĵojn pri la temo :

1) Unue, ni devis malkovri kriteriojn per kiuj oni distingas „okcidenton" de „oriento". Kaj dum la kurso, ni ekkonsciis, ke vole-ne-vole, ja estas nenegebla, baza diferenco neevitebla inter la du konceptoj. Malutilas, stultas simple revi pri unueco, unuiĝo homara, sen konsciiĝi pri ĉi tiu fakto.

Oni ne povas konstrui pontojn sen kono de ambaŭ flankoj. Multaj okcidentanoj (ĉu orientanoj ankaŭ?) ne konscias pri la fontoj de sia propra pensmaniero. Ili eĉ ne konscias, ke ekzistas tute alia baza elirpunkto el kiu estiĝas alia mondrigardo, alia memkoncepto. Pensordigadoj, pensmanieroj (fiksaj formoj de interna movo) malsimilas kaŭzante malsimilajn agojn, reagojn, kondutojn. Ankaŭ, oni ne povas konstrui ponton sen konsento de aliflankuloj. Tio fariĝus agreso. Pontokonstruado ne estas unuflanka entrepreno.

2) Inter la oka kaj sesa jarcentoj a.K. ekkomencis apartiĝo de pensmanieroj en du kampojn. En tiu tempo naskiĝis „la filozofio". Unuflanke ekkreiĝis idearo, pensaro reprezentata de Hinduismo, Taoismo, Budhismo kaj aliaj orientalaj ismoj.

> Ne estas pli granda kulpo, ol aprobi dezirojn.
> Se la estroj ne agadas, la popolo prosperas.
> La nedisigebleco de la vero kaj realo.
> La "egoo", "mio", "sio", estas iluziaj.

Aliflanke ekkreiĝis idearo reprezentata de Helenismo, Judismo, Kristismo, Islamismo ĝis „scienc-teĥnikismo". Nek geografio, nek raso, nek lingvo sufiĉas por determini la diferencon inter la du idearoj. Tiu „scienca-teĥnika" pensmaniero finfine estiĝas la ŝlosilo por fari diferencon inter okcidento kaj oriento. Estas malfacile identigi „orienton", tamen „okcidento" identeblas per sia scienca pensmaniero.

3) Estis Platono kiu determinis direkton de okcidenta filozofio. Estis li kiu deflankiĝis de la ĝistiama pensmaniero per aserto, ke abstraktaĵoj povas difini la naturon. Jen, tio naskigis okcidentan pensmanieron, ĉar ligoj inter ideoj pruviĝis naturaj, eternaj, fiksaj leĝoj, do diaj leĝoj kaj naturaj leĝoj samas. Tiu sinteno evidentas inter okcidentanoj, kiuj identigas la natur-leĝojn kun siaj revelacioj – farmaniero neakceptebla de orientanoj.



*Partoprenantoj de la lekciaro*

4) Sankta Aŭgusteno „baptis", kristanigis Platonismon per aserto, ke same kiel akvon, beston, homon, ankaŭ tempon kaj spacon Dio kreis kiel aĵojn realajn. Jen lanĉiĝis scienca pensmaniero, ĉar de tiam oni povis kunligi tempon kaj spacon kun aliaj realaĵoj, egaligi ilin. Oni de tiam matematike ekmanipulis tempon kaj spacon same kiel aliajn realajn objektojn.

5) Kelkaj distingoj :

| OKCIDENTANOJ | ORIENTANOJ |
| --- | --- |
| el interno eksteren | el ekstero internen |
| dualismo, eĉ pluralismo | nedualismo (vero kaj realo nedisigeblaj) |
| realo ekzistas ekstere | realo ekzistas interne |
| f i k s e c o | e b l e c o |

6) Jen kelkaj diskutendaĵoj por sproni viajn konatulojn (aŭ vin mem?) dum diskutrondoj :

a) Okcidentanoj tempege disputaĉas pri abismoj teoriaj inter si, ne konsciaj pri la fakto, ke, ekzemple, kristanismo naskis marksismon. Malsanuloj, proletoj, malbeluloj, malriĉuloj, ĉiuj rajtas havi al si „la veron" – ĉu ne marksisme, ĉu ne kristanisme? Sciu, ke orientanoj ne vidas diferencon inter Nov-Jorko, Parizo, Moskvo. Laŭ ili okcidentanoj estas sektemaj, tamen ĉiuj ili estas okcidentanoj (malorientanoj?) – punkto!

b) Fakte, ekzistas du „sciencoj" : unua serĉas eksteren, alia serĉas internen. Mi lasas al vi elekton, kiu, kien?

c) Maŭ Zedong pli rilatas al Lao Zi ol al Markso. Alserĉu, ekzemple, ripetatajn „Jin-Jang"- principojn en lia verkaro.

ĉ) Ekzistas orientologio en okcidento, sed ne ekzistas okcidentologio en oriento. Kial?

d) Okcidentanoj kredas, ke fabrikado de maŝinoj survojas al saĝo, aŭ ke ĝi povas esti parto de akirado de scio. Konsentite, ke japanoj, ekzemple, efike akceptas kaj utiligas teĥnikan sciencon okcidentan, tamen ili neniel aŭdacus kredi, ke ĝi iel ajn kondukas al „la vero". Ne konfuziĝu!

e) Okcidenta vorto kaj koncepto „materio" tute ne ekzistas en sanskrita lingvo. Kion tio signifas?

f) Ekzemplo : en okcidento, kasisto estas senkulpigita se oni minacas lin per pafilo por ŝteli, ĉar la plej grava afero estas protektado de la vivo. En Japanio, ne! Oni ne malfermas kason – punkto! Kial?

g) Hindianoj konsideras kiel honto kaj barbareco la fakton, ke gepatroj okcidentaj ne okupas sin pri elekto de edzĝpartneroj de gefiloj. Kiel okcidentanoj povas lasi la kompatindajn al kruda hazardo?

ĝ) Se kristanoj vere farus kiel ili predikas, ilia maksimo „okulon pro okulo, denton pro dento" rezultigus, ke tuta homaro estus blindigita, sendentigita. Gandhi ekkomprenis tion.

Nesufiĉa tempo restis por adekvate pritrakti lastan

-fazon de la kurso : Sintezojn. Do, pro intereso estiĝinta kaj graveco de temo, Internacia Feria Altlernejo venontjare ofertos sekvan lekciaron gvidotan de d-ro Zilah : „Modernaj Sintezoj de pensmanieroj orienta kaj okcidenta". Tio promesas – fajron!

Fine, mi volas aldoni kuraĝigan dankon al Claude Gacond pro lia daŭra strebado prezentigi al homoj valoran, klerigan temaron.

Ĝissaĝe filozofiumu kaj ĝis revido en La Chaux - de - Fonds.

*K. Jakobo*

*Jen sugestiva bibliografio pri verkoj kaj verkistoj pridiskutataj dum la kurso :*

*V e r k i s t o j : A. H. Anquetil-Duperron, Aristotelo, Sankta Aŭgusteno, Einstein, Gandhi, Hegel, Kant, Kartezio, Krishnamurti, Olivier Lacombe, Edmond Privat, Raymond Ruyer, Schopenhauer, Sri Aŭrobindo, Ŝankaro, Tagore, Sankta Tomaso, Georges Vallin, Lanza del Vasto.*

*V e r k o j : J. Clavel : „Ŝoguno"; J. A. Gobineau : „Eseo pri la neegaleco de homaj rasoj", „La religioj kaj filozofioj en Centra Azio"; Herodoto : „Enketoj"; C. Jung : „Metamorfozo de la animo kaj simboloj de la libido"; Lao Zi : „Daode Jing"; „La leĝoj de Manu"; Maŭ Zedong : „Kvin filozofiaj verkoj"; Platono : „Respubliko"; Denis de Rougemont : „Amo kaj Okcidento"; Edward Said : „Orientalismo, aŭ Oriento Kreita de Okcidento"; D. T. Suzuki : „Eseoj pri Zen-budhismo"; „Upaniŝadoj"; „Vedoj".*



## LA ŜAKPROBLEMO DE PASKALO




Situacio de la blankularo : rB2; kF3; ĉD3; ĉG4; pB3; pC2; pE4.

Situacio de la nigrularo : rD4.

La blankularo ekludas kaj matigas je la kvina paŝo.

Tri el la solvintoj ricevos premion, se ilia solvo alvenos antaŭ 15JUN87.

LA GAZETO utiligadas nur la ekuon kiel monunuon. La ekuo estas Eŭrop-Komunaja Unuo (**EKU**) de kalkuloj. Kiam temas pri naciaj monunuoj LA GAZETO nomas ilin "**spesoj**", kaj, por difini ilian fontoŝtaton, metas la internacian poŝtkodan mallongigon antaŭ ilin. Ekzemple, "26 Ds" signifas : "26 germanaj markoj el Federacia Germanio", kaj "26 DDRs", "26 germanaj markoj el Popoldemokracia Germanio". Vi trovos la kurzojn de la spezoj de ĉiuj landoj, kie oni legadas LA GAZETO-n.

*1 EKUO VALORIS JE 9APR87*

| | | |
|---|---|---|
| 14.717 As | 6.919 Fs | 2.346 NLs |
| 1.649 AUSs | 0.701 GBs | 160.780 Ps |
| 43.046 Bs | 152.315 GRs | 216.236 PLs |
| 0.986 BGs | 49.971 Hs | 7.248 Ss |
| 1.480 CDNs | 1481.340 Is | 5.070 SFs |
| 1.728 CHs | 1.619 ILs | 0.727 SUs |
| 6.295 CSs | 43.915 ISs | 345.938 TGs |
| 2.080 Ds | 166.096 Js | 0.904 TNs |
| 7.840 DKs | 43.046 Ls | 828.301 TRs |
| 5.069 DZs | 9.426 MAs | 1.131 USAs |
| 145.735 Es | 7.783 Ns | 495.700 YUs |



# LA "ECUADOR"

En la „Harlinger Courant" de la 20-a de februaro 1987 mi trovis la jenon : „La 29-an de februaro 1956 la vaporŝipo 'Ecuador', propraĵo de la kompanio Nosterman A.B. en Göteborg, Svedujo, grundis videble ĉe Terschelling, insulo apud Vlieland.

La moderna, taŭga ŝipo (11.000 tunoj) veturis el Sudameriko al Göteborg. Du trenŝipoj de la ŝipsavkompanio „Doeksen" ne kapablis detreni la ŝipon desur la sablobenko, pro la terure malbelega vetero. La savboato „Brandaris" transprenis la pasaĝerojn kaj servistinon, kaj poste ankaŭ la kroman homekipon. Nur kelkaj homoj restis surŝipe.

Dum la sekvintaj monatoj la kargo estis elprenata el la ŝipo kaj oni malkonstruis ĉiujn uzeblaĵojn. Poste la bela ŝipo rompiĝis kaj tute pereis!

Nun tamen sekvas la plej interesa parto de la historio!

Iumomente s-ro Doeksen demandis al la ŝipestro, s-ro Person : „Kial vi forlasis la ĝustan kurson?" "Mi ŝipveturis korekte "eightysix degrees" (okdek ses gradojn), kiel la piloto estis dirinta al mi", tiu ĉi respondis, kaj ne povis kompreni, ke li tamen eraris! Sed s-ro Doeksen bone komprenis ĉion! La piloto estis celinta la voj-buon ET6 (ej ti siks), tamen ne la laŭkompasajn gradojn! La miskompreno kaŭzis la pereon de la kapitala ŝipo „Ecuador"!

La tradukservo de ges-roj June kaj Peter Miles en Watford proksime de Londono sendis al mi pamfleton pri la jenaj aertrafikaj akcidentoj :

25FEB60 : Amerika aviadisto miskomprenis la prononciadon de la Brazila kontrola turo. 100 personoj mortis.

JAN66 : La Hindia aviadisto miskomprenis la direktivojn de la Geneva kontrolturo. 117 personoj mortis.

10SEP76 : Zagreb. La kontrolisto panikiĝis kaj avertis en la serba-kroata lingvo. 176 personoj mortis.

27FEB77 : Santa Cruz. Nederlanda aviadisto miskomprenis la anglan de la hispana kontrola turo. 577 personoj mortis.

25FEB80 : Tenerife. La hispana kontrolturo estis miskomprenata. 146 personoj mortis.

Antaŭ nelonge mi legis en gazeto, ke la hispanaj aertrafik-kontrolistoj ne plu uzos la anglan, pro la multaj miskomprenoj okazintaj.

La historio de la „Ecuador" klarigas al ni, ke ne nur la aertrafiko, sed ankaŭ la marnavigacio spertas la samajn danĝerajn miskomprenojn kaŭzitajn de la angla lingvo. !

---

# TEZOJ PRI LA LINGVA PROBLEMO

La sekvaj tezoj prezentiĝis unua-foje en la seminario „La internacia lingvo" aranĝita de Volksbildungsheim Waldhof e.V. en Freiburg (10/11 Februaro 1979). Ili estis bazo ankaŭ de podia diskuto de la Junaj Eŭropaj Federalistoj la 4an de Junio 1980 en Saarbrücken pri la temo: „Ĉu Eŭropo fiaskos pro la lingvo-abundo?"

Ni nun prezentas ilin por diskuto al pli larĝa publiko.

1) Eŭropa kaj internacia integriĝo kaj kunlaboro pli kaj pli kreskas.
2) Sekve de tio la lingva komunikado pli kaj pli komplikiĝas kaj intensiĝas.
3) Ekzistas lingva problemo ĝis nun ne solvita; ĝi ne malakriĝas, sed pliakriĝas.
4) Ĝis nun apenaŭ ekzistas elementoj de lingvo-politiko, nek en FRG, nek ali-loke.
5) La lingva problemo ne (plu) solveblas per la tradiciaj rimedoj (fremd-lingva instruado, interpretado, ignorado, bagateligado).
6) Progreso ĉiam signifas transiron de **status quo** : ĉi principo aplikiĝu al la lingva problemo.
7) Oni raciigu kaj senmitigu la solvo-eblecojn.
8) Oni serĉu argumentojn **por** anstataŭ **kontraŭ** Esperanto.
9) Oni ne pli longe lasu Esperanton al la ĝisnunaj esperantistoj.
10) La ĝenerala enkonduko de Esperanto estus pli granda revolucio ol la invento de la pres-arto. Oni reduktu la timon antaŭ ĉi paŝo.
11) La preto praktiki Esperanton estu sendependa de decido-kompleksoj, kiujn la individuo ne povas influi.
12) Nova supernacia Eŭropo ekestos nur tiam, se ĝi volas ankaŭ la lingvan integriĝon kaj pretos plenumi lingvo-politikan **metanoia.**

*Reinhard Haupenthal*

# A.I.S. – ĈU PLI OL LAVILO POR TITOLOJ



La aktiveco de iu profesoro Helmar Frank estas nekomparebla kaj eĉ timiga en certaj rondoj de la Esperanto-Movado. Ankaŭ pri lia plej nova ideo, la AIS (Akademio Internacia de la Sciencoj, San Marino), la oficiala informo ne povas komplete forigi la impreson, ke temas pri malserioza afero.

La kibernetikisto Frank estis konfrontita la unuan fojon kun Esperanto dum lia tempo en la teĥnika universitato de Berlin dum la sesdekaj jaroj. El la tumulto de la tiama studenta ribelo li fuĝis al la provinca trankvileco de Paderborn. Tie li konatiĝis kun Hermann Behrmann, kiu tiam establis sian Esperanto-Centron tie.

En Paderborn Frank komencis apliki Esperanton per siaj tre specialaj metodoj. Li konstatis, ke sciencistoj havas antaŭjuĝon kontraŭ Esperanton, kiun ili eĉ ne konas. Frank evitis la problemon ŝanĝante la nomon de la afero kaj komencis paroli pri „ILo" aŭ „Internacia Lingvo". Kelkaj Esperantistoj eĉ supozis, ke li intencis krei novan projekton de planlingvo, ĉar li komparis diversajn planlingvojn kaj konstatis, ke ILo/Esperanto ne estas perfekta.

Por propagandi la ideon de neŭtrala, internacia lingvo Frank aliĝis al la liberala partio kaj iĝis kandidato en Paderborn dum balotado por la federacia parlamento. Tiam „Eŭropo", aŭ pli precize la komunaĵo de la okcidentaj ŝtatoj iĝis grava ero en la diskuto. Frank iniciatis „Eŭropan Klubon", kiu varbis por neŭtrala komuna lingvo. Denove oni insultis Frank-on, ke li perfidas la noblajn celojn de Esperanto, ĉar li ne definitive fiksis la lingvon, sed nur „provizore" aplikis Esperanton.

Ankaŭ en sia scienca esplorado Frank okupiĝis pri Esperanto. La logika strukturo faciligis mezuri la procedon de lernado. Kelkaj esperanto-parolantoj estis dungitaj de la esplorcentro en Paderborn. Lia revuo „Grundlagenstudien" konstante aperigis sciencajn tekstojn entute aŭ resume en Esperanto.

Konsiderante la pli ol 10 jaran aktivecon de Frank en ligo kun Esperanto, oni devas konstati, ke liaj projektoj ĉiam estis pli ampleksaj kaj celis al pli fora futuro ol liaj kritikantoj povis imagi. En Esperanto-rondoj oni revas pri altnivela scienca literaturo, pri kongresoj, kiuj allogas ankaŭ neesperantistojn. Frank mallonge restas revanta.

Frank scias, ke Esperanto sole ne sufiĉas por altiri sciencistojn, ĉar ili ne povas sufiĉe profiti de la lingvo. La objektiva avantaĝo de internacia lingvo, kiun la Esperantistoj oble pruvis, estas fikcia kompare al la praktikaj avantaĝoj de la angla lingvo. Ne neglektenda estas la financa problemo. Ne sufiĉas alkutimigi sciencistojn al Esperanto, ili ankaŭ mem pagu la aferon kaj se eblas iomete pli.

La AIS ebligas tion kaj kontentigas ĉiujn, kiuj partoprenas. Al la Esperantistoj ĝi ebligas prezenti sciencan vivon, al la ŝtato de San Marino ĝi ebligas malmultekoste akiri universitaton. Kaj al la sciencistoj, kiuj ne parolas Esperanton, ĝi ebligas relative plivalorigi sian akademian gradon. La plivalorigo de titoloj estas la motoro puŝanta AIS-on.

La valoroj de la akademiaj titoloj, malgraŭ la eventuale samaj nomoj, povas esti tre diversaj kaj tio povas malhelpi ricevi postenon eksterlande. Jam por ŝtatanoj de la eŭropa komunumo, kaj multe pli por sciencistoj el socialismaj landoj kaj el la tria mondo, tio estas problemo. Speciale por la lastaj du grupoj AIS ofertas malmultekostan eblecon por akiri validan titolon. Ili estas pretaj pagi la



konsiderinde altajn sumojn, kiuj estas necesaj por financi la laboron de AIS. La investoj por plivalorigi ("lavi") titolon estas modestaj, se oni komparas la postenojn kaj enspezojn, kiujn ili ebligas.

La nuna situacio de AIS nun povas esti rigardata kiel komenco, kiu ebligu la travivadon de la tuta afero. Frank mem havas kelkajn celojn, kiujn li ne povas aŭ ne volas malkaŝi. La kunlaborantoj en AIS havas proprajn, verŝajne aliajn interesojn, kaj ĉiuj

ne povas neglekti la devojn de la ekstero. Tial la nuna situacio ne povas esti la definitiva finstato de AIS.

La sinprezento de AIS supozigas, ke ĉiuj estas invitataj partopreni en la formado de la futura evoluo. Multaj aferoj estas kritikindaj, eble, komprenebla, kiel nuraj provizoraĵoj. La aktuala strukturo de AIS, kiu koncentras la plenan decidpovon je la profesoroj (kiuj akiras la honoron nur pagante konsiderindan monsumon), estas precize la antikva strukturo, kiun kritikis la ribelemaj studentoj en Berlin.

La almenaŭ teoria ebleco influi la evoluon de AIS malfermas la pordon por establi en San Marino akademion de la futuro : internacian komunaĵon de lernantoj kaj instruistoj, kiuj sentas respondecon por la problemoj de la homaro kaj prilaboras solvojn per la plej efikaj metodoj kaj plej bonaj instrumentoj. AIS iĝu la eŭropa Akademgorodok.

Tiu evoluo bedaŭrinde ne eblas, se la kvalito de personoj estas taksata laŭ formalaj kvalifikoj : diplomo, titolo, posteno en la scienca aparato. La burokrata strukturo de tiu ĉi aparato kutime malhelpas al la plej kreivaj personoj akiri la necesajn kvalifikojn, kiuj estas bazo por efika apliko de siaj kapabloj. La libere modelebla AIS povas, eble la unuan fojon en la mondo, serĉi kaj trovi novajn vojojn.

*Roland Schnell*

**Jubilea Esperanto-Konferenco en Graz, Aŭstrio. 18-25JUL1987.**

## LA DEKERARA TEKSTO SENERARIGITA

*La unuaj burĝonoj de la **formiĝanta** naciismo **rezultigis** novajn „teoriojn". Iu Hispano romantike **asertadis** fine de la 16-a jarcento, ke la lingvo de Adamo estis la — **baska.** Goropius pruvadis en verko, **publikigita** en Antverpeno en 1580, ke nur la nederlanda lingvo povis esti tiu, **per** kiu oni parolis en la tera paradizo. Alia tiaspeca „lingvisto", A. Kempe, deziris esti iom pli **justa.** Laŭ li, tri lingvoj estis **parolataj,** aŭ almenaŭ komprenataj de la unuaj homoj : Dio parolis al Adamo svede, Adamo **respondadis** al li dane, dum la serpento tentis Evan (ĉu komplimente aŭ **ofende** por la Francoj?) en la lingvo — franca.*

## SOLVOJ EL LG-9

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | R | E | K | V | I | Z | I | T | O | R |
| 2 | E | F | R | A | T | O | ■ | A | V | E |
| 3 | F | ■ | O | N | ■ | A | B | S | I | D |
| 4 | E | N | A | D | O | ■ | R | O | D | E |
| 5 | R | E | T | A | B | L | A | ■ | I | M |
| 6 | E | M | ■ | L | A | O | S | ■ | O | P |
| 7 | N | A | C | I | ■ | A | E | D | ■ | T |
| 8 | D | N | E | S | T | R | ■ | E | G | O |
| 9 | U | ■ | L | M | ■ | ■ | A | L | E | R |
| 10 | M | E | T | A | C | E | N | T | R | O |

*SOLVO DE LA ŜAKPROBLEMO „ŜPB-9"*

Antaŭe la blanka damo estis en A4, nigra peono en E2, kaj la nigra kuriero ankoraŭ ne ekzistis. La blanka damo iris en D1 kaj estis kaperita de la nigra peono en E2. Ĉi tiu peono fariĝis nigra kuriero kaj matis la blankan reĝon (situacio sur la diagramo „ŜPB-9". (1. dA4-A1 ... pE2 X dD1 (k), mato.) La blanka damo havis eblon matigi la nigran reĝon en F4. (dA4-F4, mato.)

Gratulojn al la solvintoj de la krucvortenigmo "KVE-9":
s-ro Mogens Rude Andersen (DK)
s-ro Alain Favre (F)
d-ro Guido Holz (D)

# KONCIZA HISTORIO DE LA ESPERANTO-LITERATURO

*LG daŭrigas ĉi-sube la historion de la Esperanto-literaturo, kiu troviĝas en la giganta hispanlingva „Enciclopedia Universal Ilustrada Europeo – Americana"*

Henrik Jan Bulthius aperigis kvar romanojn : „Idoj de Orfeo" (1923), „Josef kaj la edzino de Putifar" (1926), „La vila mano" (1928) kaj „Infero" (1938). Kalocsay nomis lin : „la romana edzo", pro lia memvidebla talento kiel romanisto, kvankam sendube li ne atingis la nivelon de Schwartz kaj Engholm. Inter aliaj tre interesaj romanoj eldonitaj

ENCICLOPEDIA
VNIVERSAL ILVSTRADA
EVROPEO-AMERICANA



ETIMOLOGÍAS
Sánscrita, Hebreo, Griego, Latín, Árabe, lenguas indígenas americanas, etc.

VERSIONES DE LA MAYORÍA DE LAS VOCES EN
Francés, Italiano, Inglés, Alemán, Portugués, Catalán
Esperanto

TOMO III

BARCELONA
HIJOS DE J. ESPASA, EDITORES
579 - CALLE DE LAS CORTES - 579

tiutempe oni devas mencii „Metropoliteno"-n (1933) de sovetiano Vladimir Varankin (1902-?)(3), kiu estis reeldonita antaŭ nelonge. La heroo de ĉi tiu romano, inĝeniero kiu planas la Moskvan metroon, partoprenas en politikaj luktoj siatempaj kaj en la konstruado de la Berlina metroo. La germano Norbert Barthelmes (1897-) gvidanto de la laborista-esperantista movado krome realigis mirindan tradukon de „Fausto" de Goethe, aperigis „Juneca ardo"-n (1936) kaj du jarojn poste la romanon „Vartejoj" (1938) pri edukaj problemoj, seksaj malvirtegoj kaj lernejaj punoj. En 1973a li kunigis en unu volumon kvin rakontojn kaj diversajn romanetojn verkitajn en 1928 kun la titolo „Ne plu ludo", en la saman li inkluzivis la romaneton „Diablidoj" el 1928a, kiu fine eldoniĝis post la malpermeso kiu dum tiom da jaroj ĝin frapis.

Sed la Esperanta literaturo ricevas kontribuojn el ĉiuj mondopartoj, kaj en ĉi tiu epoko, unu el la personecoj plej interesaj kaj gravaj estas la sovetiano Vasilij Eroŝenko (1890-1952). Eroŝenko, kiu estis blinda, loĝis dum longa tempo en Japanio, Hindujo kaj Ĉinio, kie li lekciis en la Pekina Universitato. Lia fama poemo „Ciganino", kvankam iomete naiva kaj sentimentala, estis deklamita dum la Universala Kongreso en Nurenberg (1923), kie li gajnis la unuan premion. Liaj libroj „La ĝemoj de unu soleca animo" kaj „Rakontoj de velkinta folio" aperis en Shanghai. „Turo por fali" prezentas jam vidaĵon preskaŭ profetan pri la mondo. En 1970a tiuj ĉi verkoj aperis kune kun „La destinita vivi" pri Siberio, en unu volumo titolita „Rakontoj de Eroŝenko" preparita de Miyamoto Masao.

Inter aliaj verkoj en prozo eldonitaj en ĉi tiu ĵurnalo, oni devas mencii : la detektivan romanon „Pro kio?" de la germano Friedrich Ellersiek, aperigita en Berlin en 1920a, verkon pri vaguloj : „La longa vojo" de Richard Meye, aperigita en 1935a, kaj agrable legeblan romanon „Turstrato kvar" (1934) de la aŭstro Hans Weinhengst, pri la mizero dum la granda krizo dum dudekaj jaroj. Oni devas ankaŭ mencii Renelm Sturmer (1903-1960), aŭtoron de kelkaj tre interesaj libroj kiel „Pro recenzo" kaj „Se grenereto..." ambaŭ aperigitaj en 1930. La unua estas romaneto pri la londonaj laboristoj dum la jaroj tridekaj, priskribitaj kun granda forto; la dua estas kolekto de dek tri altkvalitaj rakontoj. En 1934a ĉi tiu verkisto aperigis denove „Notlibro-n de praktika esperantisto", kolekton de tre kuriozaj personaj observoj.

*(daŭrigota)*
*esperantigis* ***J. R. Vendrell***

*3) Laŭ nia scio, Varankin mortis en Sovetia punlaborejo post 1937a, dum la likvidado de Esperantistoj.*




# EKSTRAKTO EL 1906a PAROLADO DUM ĜENEVA KONGRESO

## de L. L. Zamenhof

Se ni, batalantoj por Esperanto, propravole donis al la vasta mondo plenan rajton rigardadi Esperanton nur de ĝia flanko praktika kaj uzadi ĝin nur por nia utilo, tio ĉi kompreneble al neniu donas la rajton postuli, ke ni ĉiuj vidu en Esperanto nur aferon politikan. Bedaŭrinde en la lasta tempo inter la esperantistoj aperis tiaj voĉoj, kiuj diras: „Esperanto estas nur lingvo; evitu ligi eĉ tute private la esperantismon kun ia i d e o, ĉar alie oni pensos, ke ni ĉiuj havas tiun ideon, kaj ni malplaĉos al diversaj personoj, kiuj ne amas tiun ideon! Ho, kiaj vortoj! El la timo, ke ni eble ne plaĉos al tiuj personoj, kiuj mem volas uzi Esperanton nur por aferoj praktikaj por ili, ni devas ĉiuj elŝiri el nia koro tiun parton de la esperantismo, kiu estas la plej grava, la plej sankta, tiun ideon, kiu estis la ĉefa celo de la afero de Esperanto, kiu estas la stelo, kiu ĉiam gvidadis ĉiujn batalantojn por Esperanto! Ho, ne, ne, neniam! Kun energia protesto ni forĵetas tiun ĉi postulon. Se nin, la unuajn batalantojn por Esperanto, oni devigos, ke ni evitu en nia agado ĉion idean, ni indigne disŝiros kaj bruligos ĉion, kion ni skribis por Esperanto, ni neniigos kun doloro la laborojn kaj oferojn de nia tuta vivo, ni forĵetos malproksimen la verdan stelon, kiu sidas sur nia brusto, kaj ni ekkrios kun abomeno: „Kun t i a Esperanto, kiu devas servi ekskluzive nur al celoj de komerco kaj praktika utileco, ni volas havi nenion komunan!"

Venos iam la tempo, kiam Esperanto, fariĝante posedaĵo de la tuta homaro, perdos sian karakteron idean; tiam ĝi fariĝos jam nur lingvo, oni jam ne batalados por ĝi, oni nur tirados el ĝi profiton. Sed nun, kiam preskaŭ ĉiuj esperantistoj estas ankoraŭ ne profitantoj, sed nur batalantoj, ni ĉiuj konscias tre bone, ke al laborado por Esperanto instigas nin ne la penso pri praktika utileco, sed nur la penso pri la sankta, granda kaj grava i d e o, kiun lingvo internacia en si enhavas. Tiu ĉi ideo — vi ĉiuj sentas ĝin tre bone — estas f r a t e c o k a j j u s t e c o i n t e r ĉ i u j p o p o l o j. Tiu ĉi ideo akompanadis Esperanton de la unua momento de ĝia naskiĝo ĝis la nuna tempo. Ĝi instigis la aŭtoron de Esperanto, kiam li estis ankoraŭ malgranda infano; kiam antaŭ dudek ok jaroj rondeto de junaj diversgentaj gimnazianoj festis la unuan signon de vivo de la estonta Esperanto, ili kantis kanton, en kiu post ĉiu strofo estis ripetataj la vortoj „malamikeco de la nacioj, falu, falu, jam estas tempo". Nia himno kantas pri la „nova sento, kiu venis en la mondon"; ĉiuj verkoj, vortoj kaj agoj de la iniciatoro kaj de la nunaj esperantistoj ĉiam spiras tute klare tiun saman ideon. Neniam ni kaŝis nian ideon, neniam povis esti eĉ la plej malgranda dubo pri ĝi, ĉar ĉiu parolis pri ĝi kaj sindone kaj senprofite laboris kun ni. Kial do aliĝis al ni la personoj kiuj vidas en Esperanto „nur lingvon"? Kial ili ne timis, ke la mondo kulpigos ilin pri granda krimo, nome pri la deziro helpi al iom-post-ioma unuiĝo de la homaro? Ĉu ili ne vidas, ke iliaj paroloj estas kontraŭaj al iliaj propraj sentoj, kaj ke ili senkonscie revas pri tio sama, pri kio ni revas, kvankam pro neĝusta timo antaŭ sensencaj atakantoj ili pensas tion ĉi nei?

Se mi la tutan pli bonan parton de mia vivo memvole pasigis en grandaj suferoj kaj oferoj kaj ne rezervis por mi eĉ ian rajton de aŭtoreco — ĉu mi faris tion ĉi pro ia praktika utileco? Se la unuaj esperantistoj pacience elmetadis sin ne sole al konstanta mokado, sed eĉ al grandaj oferoj, kaj ekzemple unu malriĉa instruistino longan tempon suferis malsaton, nur por ke ŝi povu ŝpari iom da mono por la propagando de Esperanto — ĉu ili ĉiuj faris tion ĉi pro ia praktika utileco? Se ofte personoj alforĝitaj al la lito de morto skribadis al mi, ke Esperanto estas la sola konsolo de ilia finiĝanta vivo, ĉu ili pensis tiam pri ia praktika utileco? Ho, ne, ne, ne! ĉiuj memoris nur pri la interna i d e o entenata en la esperantismo; ĉiuj ŝatis Esperanton ne tial, ke ĝi alproksimigas iliajn k o r o j n. (...)

Jes, miaj karaj kunlaborantoj! Por la indiferenta mondo Esperanto povas esti nur afero de praktika utileco. Ĉiu, kiu uzas Esperanton aŭ laboras por ĝi, estas esperantisto, kaj ĉiu esperantisto havas plenan rajton, vidi en Esperanto nur lingvon, simplan malvarman, internacian komprenigilon, similan al la mara signalo, kvankam pli perfektan. T i a j esperantistoj kompreneble ne venos al niaj kongresoj aŭ venos al ili nur por celoj esploraj aŭ praktikaj aŭ por malvarma diskutado pri demandoj pure lingvaj, pure akademiaj, kaj ili ne partoprenos en nia ĝojo kaj entuziasmo, kiu eble ŝajnos al ili naiva kaj infana. Sed tiuj esperantistoj, kiuj apartenas al nia afero ne per sia kapo, sed per sia k o r o, tiuj ĉiam sentos kaj ŝatos en Esperanto antaŭ ĉio ĝian internan i d e o n; Ili ne timos, ke la mondo moke nomos ilin utopiistoj kaj la naciaj ŝovinistoj eĉ atakos ilian idealon kvazaŭ krimon; ili estos fieraj pri tiu nomo de utopiistoj. Ĉiu nia nova kongreso fortikigos en ili la amon al la interna ideo de esperantismo, kaj iom post iom niaj ĉiujaraj kongresoj fariĝos konstanta festo de la homaro kaj de la homa frateco.

*L. L. Zamenhof*






# SORGOBIERO

- Kiam varmegas, oni emas trinki kaj mi ne ŝatas trouzi akvon, ĉar ĉi tie en Afriko, ĝi ofte estas malbona por la sano.
- Ĉu oni ĉiam trovas bieron aŭ kokakolon?
- Jes, praktike ĉiam, sed la unua rapide ebriigas, la dua estas tro dolĉa. Mi ĝenerale preferas konduti same kiel la ĉi-tieaj enloĝantoj. Ilia konduto baziĝas sur centjaraj spertoj.
- Kaj kion ili trinkadas?
- En Saharo, teon varmegan, kaj ĉi tie, en la norda parto de Togolando, "ĉapalo"-n.
- Kion?
- "Ĉapalo"-n, tio estas sorgobieron. Ĉi tiu nomo de la sorgobiero en la lingvo moba-a ŝajne devenas de franca eldiro signifanta "ĉi tio ne estas akvo".
- Ne, ĝi estas biero, sed do ĝi ankaŭ ebriigas, ĉu ne ?
- Nur post rapide eltrinkita granda kvanto, sed ĝi neniam malsanigas la trinkinton.
- Ĉu ĝi do enhavas malpli da alkoholo ol la Eŭropa biero?
- Oni ne povas tion diri. La Eŭropa biero, en Afriko, ebriigas, malsanigas je la ventro kaj la kapo. Aldone ĝi multekostas. La diferenco estas, ke la "ĉapalo"-n oni trinkas dum fermentado kaj la bieron, poste. La sorgobieron oni preparas per dutaga boligado en akvo de ĝermantaj sorgograjnoj. Tiel ni certas, ke la ameboj kaj bakterioj estis ekstermitaj. La bieron oni fabrikadas en la urboj per nur Dio scias kia akvo. La virinoj, kiuj preparadas la "ĉapalo"-n, bezonas tri tagojn por ĝermigi la sorgograjnojn, boligi ilin kaj filtri la likvaĵon tra grandegaj konusaj vimeno-korboj. La vendado postulas unu plian tagon. La viroj, kiuj ĝin trinkas, bezonas nur duontagon por eltrinki ĝin.

*Edgar*

